Esperanto – Rok – Fangazeto

# ROK gazet'

TEKSTOJ
NOVAĴOJ
INTERVJUOJ
KONCERT-FESTIVALOJ
REPORTERAĴOJ
DISKELDONEJOJ
TEKNIKAĴOJ
E-ROK-TERMINARO
MALROKMUZIKO
ANONCOJ
ESPERANTO ROK-RETO
NOVAJ DISKOJ-KASEDOJ








Eldonas EUROKKA
per helpo de Fondaĵo "Carson"
F–31450 DONNEVILLE

NUMERO 4
Jaro 1992



**Abono:** *4 numeroj por*
*26 IRKP aŭ*
*100 FRF*
*35 NLG*
*20 USD*
*16 EKU*
*Por netranspagipovaj landoj:*
*13 USD aŭ 18 IRKP*

## Oficiala Klaĉado


Rok-Gazet' n-ro 4

*Administration-rédaction/*
*Administrejo-redaktejo/*
**Rok-Gazet' c/o EUROKKA**
**F-31450 DONNEVILLE**
**TEL (33)61.81.95.65**

*Directeur de publication/*
*Eldon-direktoro:*
Floreal MARTORELL

*Rédacteur en chef/*
*Ĉefredaktoro:*
Bertrando ALBAULT
Berdoulet Ouest
FONTENILLES
31470 St-LYS
(33)61.91.16.34

*Rédacteurs/*
*Redaktora stabo:*
* FLO *
Marcelo REDOULEZ
Bertilo WENNERGREN
Rikardo CASH
Martin HAASE
Iñaki GAUNA
Nicolas FREUD
Soizic, Stephan
Ono TAKAO
Jeannette CASH
FOKOMELO
Olivier MOREAU
Zdravka METZ

*SAISIE/ ENKOMPUTILIGIS:*
Bertrando
Bertilo
Marcelo
RoKo

*PAO, TIRAGE LASER/*
*PKP, LASERPRINTADO:*
Philippe GERLAND

*Secrétariat/*
*Sekretariino:*
*Sylvie BAUDIN*

*Dessins/Desegnaĵoj:*
Kruela DEVIL
Niko VOLOŜIN
JMB
Frederok'

*Photos/Fotoj*
Flo MARTORELL
Sylvie

*MAQUETTE/ENPAĜIGO:*
Phil
Flo
Bertilo

*Imprimerie/presejo*
CRYSTAL CREATION
F-31450 DEYME

*Distribution/disdono*
Associations Espérantistes
Esperantistaj Asocioj

*Dépot légal à parution*
*Commission paritaire en cours*
*Edité par/Eldonas*
*EUROKKA Esperanto-Rok-Asocio*
*F-31450 DONNEVILLE*
*per helpo de Fondaĵo «Carson» en Kanado*


Vi ja certe jam komencas alkutimiĝi, kiel kutime mi eniros la varman buljonon dezirante al vi ĉiuj plej agrablajn festojn ĉar jam pli ol ses pliaj monatoj tro pasis kaj forpasis... Prudente mi antaŭsendas al vi ĉiuj varmegajn bondezirojn por la nova jaro.



Mi opinias ke Flo nun sukcesis abonigi ankaŭ amikojn, amikinojn, familion, idon, patron, patrinon, avojn avinojn, praavojn, praavinojn kaj tri ALIEN-ojn... Ankoraŭ eblas donaci abonojn.... eĉ aboni mem se vi tion deziras! Fakte mi tion konsilas arde al ĉiuj: malgraŭ ĉio ni daŭre havas nesufiĉe da abonantoj!!!

Ĉiuokaze abono validas por kvar numeroj, ne por unu jaro!

Mi petis al komputilantoj prefere sendi siajn verkojn sur disketoj 3.5" en ASCII-sliparo(j), laŭ Atari aŭ IBM-formato. Fakte ni laboras nur per Atari-komputiloj kaj IBM-uzantoj devas nepre sendi ASCII-sliparojn. Mi daŭre tion petas, sed, aldone, mi proponas sendi virgan disketon al bezonantoj... Ĉiukaze ni resendos viajn disketojn.

Trapasinte mem plej ĝojan someron mi deziras al vi plej feliĉigan legadon. Ĝis la venonta numero de Rok-Gazet'

La ĉefredaktoro, Bertrando

**Fotoj sur la antaŭa kovrilo:**
Solo
Akvo
Magma (Christian Vander)



## Anonctarifoj

| | |
|---|---|
| *Dorskovrila anonco* | *2000FRF/700NLG* |
| *la interna paĝo:* | *1000FRF/350NLG* |
| *1/2 paĝo:* | *600FRF/210NLG* |
| *1/4 paĝo:* | *300FRF/105NLG* |
| *1/8 paĝo:* | *200FRF/70NLG* |
| *1/16 paĝo:* | *100FRF/35NLG* |

*50% rabato por Esperanto Rokbandoj.*

*Anoncetoj:*
*Ĉiu linio kostas 6FRF/2NLG aŭ 2 IRKP*

## Pagmanieroj

**IRKP-oj** *(Internaciaj Respond-Kuponoj)*

**Bankkonto**
*Eurokka (Asso Esperanto-Rock) B*
*15999 G 2206*
*N° C 40247960 CL 10*
*CCM Toulouse St-Agne*
*F-31400 TOULOUSE, FRANCIO*

**UEA Konto**
*kodo: Rokk-b*

## Landaj Kotizperantoj

**Aŭstralio**
*Libroservo de AEA*
*P.O. Box 230, Matraville*
*N.S.W. 2036, Aŭstralio*

**Argentino**
*Atilio Orellana-Rojas*
*Argentina Esperanto Asocio*
*C.C1428,*
*RA-5000 CORDOBA*

**Brazilo**
*Brazila Esperanto-ligo*
*CX.Postal 11-1105 BRASILIA-DF*
*BR-70084 BRAZILO*

**Britio**
*EAB*
*140 Holland Park Avenue*
*LONDON - W11 4UF*

**Bulgario**
*Ilija ANDREEV, pk. 120,*
*BG-9700 ŜUMEN*

**Ĉeĥio**
*Ĉeĥa Esperanto Asocio*
*(junulara sekcio)*
*JILSKA 10*
*CS-110 01 PRAHA 1*

**Hungario**
*Lingvo*
*Szolgaltato Iroda*
*PF 87*
*H-1675 BUDAPEST*

**Portugalio**
*Portugala*
*esperanto-asocio,*
*rua Dr.João Couto*
*N°6 R/C.-A*
*P-1500 LISBOA*

**Ukrainio**
*Niko VOLOŜIN*
*UKR-263018 UKRAINIO, LUCK-18,*
*a.k.26*

**Usono**
*ELNA, P.O. box 1129*
*El Cerrito*
*CA 94530*
*USONO*

**Kanado**
*Esperanto-Libro-Servo*
*Normand FLEURY*
*6358-A, rue de Bordeaux*
*MONTRÉAL, QC H2G 2R8*

**Nov-Zelando**
*Gwenda SUTTON*
*12c Herbert Gardens*
*186 The Terrace*
*WELLINGTON 1*

**Rusio**
*Andrej ANANJIN*
*p/a Esperanto*
*a/ja 111*
*143006 ODINCOVO*
*Moskovskoj obl.*

**Germanio**
*Baden Württemberg Esperanto-Libroservo*
*Johan Pachter*
*Zum Kräutle 8*
*D-W-7480 SIGMARINGEN-JUNGENAU*

# Enhavo


*Kolofono, abonoj, anonctarifoj kaj aliaj oficialaĵoj* **2**

**MIDI-LANDO** **4**

**REPORTERAĴOJ**
*Muzika kongres'* **5**
*Festivele festivalon - Brest 92* **6**
*Ramones kaj The Pogues en Bourges* **6**

**INTERVJUOJ**
*Sola SOLO sole* **7**
*La Mevo* **10**

**En DISKELDONEJA ĜANGALO**
*Bondage Productions: la alternativo* **11**
*MAGMA: mistera enigmo (seventh records)* **12**

**VOJAĜAGENTEJOJ** **14**

**ROK-BANDOJ**
*AKVO el Kanado* **15**
*En la rusa krizo* **15**

**MALROKMUZIKO**
*La moderna engaĝita kanto en esperanto* **16**
*Recenzo pri La Koro-Sutro* **18**
*Por infanaj komencantoj* **18**

**TUTE NE GRAVAS**
*Kontraŭ muzika manifesto* **19**
*Iom pri influoj de la muziko* **20**
*6a Internacia Junulara Semajno* **22**

**NOMOJ DE MUZIKSTILOJ** **23**
**ANONCOJ** **25**
**HASTE KLAĈE** **26**
**RADIOJ** **26**
**Rokmuzika RETO** **27**




# Stranga Rikolto

Jen la lasta numero de *Rok-Gazet'* ... por ĉi-jare.

Kiel ĉiuj, vi jam konas niajn malfacilaĵojn, sed tio ne estas nova por vi.

Tio ĉi estas la lasta alvoko.

Ni esperis ke kun la apero de la 3a numero kaj la katalogo de **Vinilkosmo**, la esperantistoj reagos kaj helpos nin subtenante per abonoj, ktp....

Nesufiĉaj abonantoj alvenis, tamen ni tre dankas ĉiujn abonantojn kiuj fidas kaj fidelas nian *Rok-Gazeton*.

Nun ĉirkaŭ 150 personoj abonas ĝin dank' al la streboj de niaj perantoj kaj kunlaborantoj en diversaj landoj.

Ni tre dankas ankaŭ tri personojn (kies nomojn ni silentos ĉar ili petis tion) kiuj faris mondonacon. Tio ebligis al ni finpagi la kostojn de la 3a *Rok-Gazet'* kaj de la katalogo de **Vinilkosmo**.

Tiu n-ro 4 aperas dank'al la helpo de **«Fondaĵo Carson»** en Kanado, kiu donacis al ni la monon por ĝin eldoni. Ni dankegas **«Fondaĵon Carson»** pro tiu decido kiu ege kuraĝigas nin.

Ĉiuokaze ni povas konfirmi ke se post tiu ĉi 4a numero novaj abonantoj ne alvenos amase (almenaŭ la duoblo de nia aktuala abonantaro), la estonteco de *Rok-Gazet'*, **EUROKKA**, kaj **Vinilkosmo** estos endanĝerigita.

Tamen ni ne volas malkuraĝigi la novalvenantojn -- ne timu, ni ne mallevos la brakojn, ni estas persistemaj rokuloj, niaj klopodoj kaj streboj sukcesos eldonadon de nova serio de kvar aliaj numeroj (t.e. unu abono).

Kompreneble tiuj kiuj abonis ekde la 1a numero devos reaboni, ni kalkulas je ili.

Tiu ĉi periodo estas magra por esperanto-rokmuziko; nenio tre nova, krom la apero de du novaj esperanto-rokgrupoj, nome **Sen Nomo**, el Rusio, kaj **Akvo**, el Kanado. Ankaŭ baldaŭ aperos nova kasedo de **La Mevo** el Japanio.

Tamen, *Rok-Gazet'* n-ro 4 enhavas novajn rubrikojn kiuj verŝajne tre interesos vin, kiel ekzemple:

**«Diskeldonejoj»**, kiuj provos prezenti en ĉiu aperonta numero unu diskeldonejon.

**«MIDI-Lando»**, kie ONO Takao el Japanio prezentos diversajn diĝitajn muzikteknikaĵojn kaj instrumentojn.

Ĉi-foje vi malkovros pli da ne-esperanto-rokaĵoj ol kutime, ĉar la esperanto-rokmuzikistoj ripozas kaj cerbumas por estontaj aperigoj de nekutimaj aferoj.

Ni diru ke la abundo da recenzoj pri novaj kasedoj kaj diskoj en la 3a numero estas escepto nuntempe, sed certe ne tro malfrue ni povos grandkvante prezenti esperanto-muzikproduktaĵojn.

La unua ĉapitro de la muzik-terminaro de Bertilo, **«Nomoj de Muzikstiloj»**, finiĝas en ĉi tiu numero, kaj enkondukas la 2an ĉapitron, **«Instrumentoj kaj Aliaj Iloj»**. Nepra ilo por ĉiu esperanto-muzikisto fariĝas tiu terminaro!

Diable! Mi ne rakontos la tutan enhavon! Finfine, ŝiru la paĝon kaj glutu ĝin!

Bonan legadon!

-- **FLO!**

# MIDI-LANDO



## 1. Ebleco de MIDI-sistemo

***La Mevo* flugas al vi ĉiunumere por malkaŝi la MIDI-sistemon kaj diversajn MIDI-produktaĵojn.**

Ĉu vi iam aŭskultis albumojn de **La Mevo** aŭ de **Solo**? Se ne, tuj mendu ĉe **EUROKKA** kaj aŭskultu ilin. Aŭskultinte mian albumon, vi ne kredus ke mi ludas ĉiujn muzikilojn sola. Mi kantas malantaŭ mia ĉefa voĉo. Tion helpas multlinia surbendigilo. Kaj vi rimarkas ankaŭ ke multspecaj sonoj de muzikiloj aŭdeblas samtempe. Por tion realigi mi utiligas **MIDI-sistemon.** Sen mia propra bando mi povas kanti kun gitaro aŭ piano antaŭ mia propra orkestro. La laboron direktas sekvencilo kiu povas disponi **MIDI-signalon.**

Ĉinumere mi skribas bazan aferon pri MIDI, kaj cedas al la postaj fojoj propran MIDI-aparaton kaj -muzikilon.

MIDI ne estas sono, sed **diĝita signalo** kiu estas sendata kaj ricevata ne paralele sed serie inter MIDI-aparatoj. **Muzik-Instrumenta Diĝita Interfaco** naskiĝis en 1983 kiel komuna lingvo por sinteziloj. Antaŭ tiam malfacile estis konekti sintezilojn unu al la alia, ĉar ĉiuj sinteziloj havis propran difinon de signaloj. Por solvi la problemon, oni inventis **MIDI-normon** per la forto de mikrokomputiloj, per kies kapablo muzikiloj povas sendi tra MIDI eĉ kompleksan ludadon de muzikistoj.

Nun, MIDI-aparatoj multe progresis en kaj kvanto kaj kvalito, kaj jam eĉ malkontentas kelkaj profesiaj muzikistoj -- ĉar oni ne antaŭvidis en 1983 ke tiom multaj MIDI-aparatoj estos konektataj al sekvencilo. Ju pli multiĝas nombro da MIDI-aparatoj, des pli malfruiĝas la atingo de MIDI-signalo. Tiu malbona fenomeno spegulas en muziko kiel tempodiferenco, kiu naskas malharmonion.

Fakte abundas diversaj tipoj de MIDI-sendiloj, nome sendiloj de MIDI-signaloj. Ordinaraj elektraj klavaroj povas sendi la signalon kiu esprimas ludadon de klavaristoj, kaj sendi propran datumon ŝparitan en ĝi. MIDI-sendilo havas aliajn eksterajn trajtojn: iu similas al gitaro, iu similas al blovilo, iu al drumo, ktp. Oni tiel ludas ilin samkiel oni ludas ordinaran muzikilon, ekz-e pianon, gitaron, saksofonon, ktp. Sed la sendiloj ne sonas, sed anstataŭe nur elsendas MIDI-signalon eksteren.

Do, kio sonas? Sonas sonfonto, nome sintezilo. Iuj sinteziloj havas klavaron, kion vi facile povas imagi, ĉar ili estas similaj al ekz-e elektra orgeno. Vi ludas, kaj ĝi mem sonas. Facile. Sed vi devas pensi ke en ĝi ekzistas du partoj: unu parto sonas per diĝita sintezilo, kaj la alia parto komprenas vian ludadon kaj sendas MIDI-signalon eksteren aŭ al la interna sintezilo mem.

Kelkaj sinteziloj ne havas klavaron. Ili sonas ricevinte de ekstere MIDI-signalon. Supozu ke oni demetas klavaron de la supre menciita sintezilo. En studio oni bezonas multe da sinteziloj kiel sonfontoj, sed ne tiom multe da klavaroj. En mia privata studieto troviĝas nun multaj sinteziloj, sed nur tri klavaroj, inter kiuj mi ofte uzas nur unu. Ĉar unu-du klavaroj estas sufiĉaj por regi ĉiujn sintezilojn konektitajn per MIDI-dratoj.



©Logiciels Rythm'n Soft

En la reto de MIDI-dratoj troviĝas **sekvencilo.** Nuntempe oni ofte utiligas komputilon kiel sekvencilon, nome komputilan sekvencilon. Ĉar oni povas facile renovigi sekvencilon, ŝanĝante la programon. Ekzemple, en mia komputilo funkcias sekvencilo nomita *Performer.* Sed se mi ŝanĝas ĝin en *Vision,* tiam mia komputilo tute alimaniere laboras, kiel tute alia sekvencilo. Tio estas merito de komputilo. Plie ĝi havas grandan memorkapablon, grandan ekranon, literklavaron, ktp, kiuj multe pli bone servas al uzantoj ol ĝisnunaj memstaraj sekvencil-maŝinoj.

Kiel funkcias sekvencilo? Unuvorte, ĝi estas **redaktilo de MIDI-signalo:** Ricevinte la signalon, ĝi memoras datumojn pri la ludado de muzikistoj. Kaj oni redaktas la signalon, se necese, dum sekvenciloj montras al uzantoj informon pri notoj litere aŭ grafike sur la ekrano. Post redaktado oni resendas al diversaj sinteziloj laŭ propraj manieroj tra propraj MIDI-kanaloj. Alivorte, ĝi funkcias simile al surbendigilo.




Ĉiu sintezilo ricevas MIDI-signalon, kaj elsendas **analogan signalon,** nome sonon, al miksilo. Se vi miksas vian voĉon kun sinteziloj sub direktado de komputilo, tiam vi trovas ke vi kantas antaŭ orkestro. Do, nun naskiĝas ero de via nova albumo, se vi surbendigas la miksitan muzikon per **DAT-maŝino,** aŭ per analoga surbendigilo.

Ne nur sinteziloj, sed ankaŭ aliaj maŝinoj, ekz-e lumregilo, sonmiksilo, efektilo, ktp., povas kompreni MIDI-signalon. Supozu ke vi kantas sur scenejo en koncertejo, kaj super la scenejo estas multaj lumigiloj diverskoloraj. Estas tre bone, se saĝa lumregilo komprenas MIDI-signalon, kaj lumigas kaj mallumigas ilin perfekte akompanante vian muzikon. Tio ne estas revo, sed tiu sistemo reale funkcias en modernaj diskotekoj. Por regi ilin, oni ofte utiligas komputilan sekvencilon kiu kreiĝis originale por muziko.

Por scii kiel oni transplantas MIDI-normon en vian sintezilon, konsultu aldonitan klariglibron. Ofte en la lastaj paĝoj troviĝas tabelo por MIDI, per kiu oni scias kiajn signalojn la sintezilo povas sendi kaj ricevi. Tio necesas, ĉar la MIDI-normo konsistas el du partoj: unu por ĝenerala uzo, kaj la alia ekskluzive por via sintezilo. Ekz-e signaloj kiel notoj, puŝforteco, kaj daŭreco de notoj, estas uzataj komune de diversaj sinteziloj, sed interna diĝita datumo de via propra sintezilo estas nur por via sintezilo. Por sendi ĝin per MIDI-signalo al sekvencilo necesas speciala vico da MIDI-mesaĝoj kiun nur via sintezilo komprenas. Tial estas necese por vi atente legi la MIDI-tabelon se vi bone, ĝisfunde utiligas vian sintezilon kun sekvencilo.

Balbutinte ĝis ĉi tie pri MIDI-sistemo tre ĝenerale, mi timas ke vi miskomprenus pro manko de miaj vortoj. Mi estos afabla antaŭ viaj demandoj pri la temo, se vi estas unu el la legantoj de *Rok-Gazet'*.

De la venonta fojo mi tuŝos pri realaj produktaĵoj rilataj al MIDI. Nun ankaŭ mi ne scias kio aperos: MIDI-gitaro? Komputila sekvencilo? Diĝita multlinia surbendigilo? Novaj sinteziloj??

Mi esperas ke vi trovos mian paĝon ankaŭ en la sekvanta numero. Ĝis!

**-- ONO Takao, de La Mevo**

# Reporteraĵoj




## Muzika Kongres'

Ĉu vi partoprenis la bordozan kongreson? Ne!? Vi intencis veni kaj lastmomente ne povis? Via aŭto paneis kaj vi vane provis finriparigi ĝin... kaj malgraŭ ĉiuj viaj streboj maltrafis la kongreson...? Fervojistoj strikis kaj vi ne trovis trajnon por veni? Same koncerne aviadilojn? Ĉu vere? Ho ve, kia malbonŝanco! Kompatinda....

Kaj vi? Kaptita en familia rondo inter bopatrino kaj... komplete alkroĉita? Kaj vi preskaŭ mortis pro enuo? Vi ne sukcesis liberiĝi por veni? Kompatindulo.... Ve, kia malfeliĉo!!

Via edz(in)o ne parolas esperanton kaj pro tio vi rezignis alvojaĝi...? Sed, vi maltrafis bonan okazon esperantistigi ŝin (lin)! Aĥ, kia fuŝaĵo...!

Vi hezitis, pensis jes..., pensis ne..., pensis: ĉu? Tempo pasis kaj vi ankoraŭ ne decidis, kaj finfine vi preferis semajnfini aliloke.... Skii? Sed imagu, la 17an de aprilo, ne plu estas tempo skii... suno brilas, neĝo moliĝas... supiĝas... ne plu estas la ĝusta sezono.... Kaj vi rompis al vi maldekstran kruron!? Vi pasigis du tagojn en hospitalo!? Sed ne plendu! Estas nur via kulpo! Skii dum paska semajnfino! Kia stranga ideo!

Nun vi scios -- ĉu ne? -- ke dum paska semajnfino okazas la kongreso de **SAT-Amikaro**.... Venontjare vi scios kaj elturniĝos pli bone!? Jes, kompreneble vi ne eraros dufoje....

Sed tamen, kongresoj ne estas ĉiam samaj, kaj tiu en Bordozo certe estis unika! Eĉ pli unika ol kutime! Jes, tio eblas.... Imagu: ĝia temo estis «De **Mozart** ĝis **EUROKKA**, Muziko kaj Esperanto, kompliceco de du internaciaj lingvoj». Ĉu vi iam prirevis pli belan temon por kongreso?



**Eŭskaj flutistoj** (maldekstre, Iñaki Gauna)

Nu, malfeliĉuloj, se vi scius nur kion vi maltrafis. Interesoplenajn prelegojn kun muzikaj ilustraĵoj... kabareta vespero kun eŭskaj kantoj kaj gaskonaj dancoj... komunaj ĝismatenaj kantadoj... klasikan koncerton kun harpo kaj tenoro... kaj... kaj... -- ĉu mi diru? -- rokkoncerton!! Kun **Solo** kaj... la **Rozmariaj Beboj**!! Aĥ.... Mi nenion diros plu... estus tro... estus tro kruele diri al vi ĉion kion vi maltrafis, ĉiujn detalojn... mi timus ke via koro ne eltenus la ŝokon....

-- UuŭUuuuuŭŭŭUUuuuu...UUuuuuŭŭŭŭuuuuu....

Nu, ĉu vi ploras? Kial? Ĉu mi diris ion malbonan? ...Hmm... hmm.... Mi eble estis iom mallerta.... Mi volis nur iom tikli vin... kaj mi vidas ke mi tuŝis la koron... ke nun vi ploras....



**La Rozmariaj Beboj**

Sed mi ne povas ne priskribi la etoson kiu naskiĝis inter tiuj kelkcentoj da homoj kiuj venis kun tiu ununura ideo: Esperanto kaj Muziko.... Kaj kiel rave, forgesinte ĉiujn ĉiutagajn ordinarajn grizaĵojn de la vivo, ni ĝuis tiujn kvar tagojn.... Kiel febroplene ni ĉeestis la koncertojn kaj sorbis ĉiujn muziknotojn, ĉiujn kanzonvortojn.... Kun kia plezuro dancis ĉiuj, belulinoj kaj beluloj, homoj de ĉiuj generacioj... ĉiuj kunligitaj dum kelkaj tagoj per tiuj du belaj aĵoj: Muziko kaj Esperanto.... Muzika Esperanto kaj Esperanta Muziko.... Kaj ĉiuj tiel harmonie kunestis, amikiĝis.... Kvazaŭ nature, spontane kreiĝus granda multkolora mozaiko, en kiu ĉiuj povus kunvivi eterne, sen iu ajn nubombro, nur per esperanto, freŝa akvo, kaj muziko.... Mi tie komprenis ke vere ĉiuj muzikoj, klasika, popola, roka, tradicia aŭ moderna, nigra, blanka, nigre blanka kaj blanke nigra, orienta, indiana... ke ĉiuj muzikoj malbone konataj, neniam elsenditaj ĉe radio... kiujn oni ĉiam forgesas, sed kiuj ekzistas kiel kaŝitaj juveloj en la naturo... mi tiam do komprenis, aŭ pli ĝustedirite eksentis, ke ĉiuj tiuj muzikoj, en esperanto, harmoniiĝas kaj fariĝas egalrajtaj idoj de sama diino Muziko.... Mi ekvidis ke ĉiuj tiuj muzikoj kiuj spegulas la homaran Babelon, fakte estas frataj kaj trafe ebligas al ĉiuj kulturoj malfermiĝi unu al la aliaj, pliriĉigante unu la aliajn per siaj propraj originalecoj....

Jes, ni sentis tion... kvazaŭ aero ne havus saman guston kiel kutime.... Kaj ni atente gardis tiun senton en ni, por ne forgesi ĝin ĉe la fino, kiam ni disiĝis... antaŭ ol retrovi la ĉiutagajn ordinaraĵojn....

Ĉu vi ankoraŭ tristas?

-- ....

Jes, ankaŭ mi iom tristas....

**-- Nicolas FREUD**



**Eŭskaj kantoj** (maldekstre, Rafa)

# FESTI VELE FESTIVALON

## BREST 92

De la 11a ĝis la 14a de julio marfestivalo okazis en Brest (Bretonio). Tiun rendevuon, grava por centoj da velŝipoj kaj miloj da vizitantoj, vivigis diversaj distraĵoj. Inter aliaj trifoje surscenejis kant- kaj muzik- grupo "LIERELIET" el Nederlando. "LIERELIET" folke proponas ĝuindan repertuaron de frisaj maristaj kantoj, tradiciaj aŭ verkitaj de... Nanne KALMA!!! Efektive niaj KAJTO-geamikoj, Ankie kaj Nanne animas ankaŭ tiun grupon, en kiu kelkfoje kunkantas tria esperantisto.



Post la koncertoj aĉeteblis kompaktdiskoj kaj kasedoj registritaj unuflanke de "LIERELIET" kaj dorsflanke de "KAT YN 'T SEIL". Ĉi lasta grupo simple estas "KAJTO" (Ankie, Marita, Marian kaj Nanne) kantanta frise. Mendu ilin, vi ne bedaŭros.

Dum agrabla tempo, kuntrinkante ĉe teraso (dankon Babet!) Nanne rakontis pri realigado de grandioza registrado: germana simfonia orkestro kaj impona ĥoro kunkantis Eŭropo-Trilogion kun "KAJTO". Ankie raportis pri la sukceso de la KAJTO-koncerto en la Brita E-Kongreso (Sheffield, Pasko '92). Tiam nia kara kvaropo renkontis William Auld. Por kelkaj el liaj poemoj Nanne adaptis muzikon. Dum la venontaj monatoj li finaranĝos ĉion tion.

Jen materialo por venontaj kompaktdisko kaj kasedo ! Mi jam salivumas pro antaŭĝuo !!!

Al la demando: Kial vi ne profesiiĝas, kvankam vi tion meritus pli ol multaj aliaj ? Nanne modeste respondas, ke li deziras, ke muziko restu por li pasio kaj ne deviga rimedo por pergajni lian vivon. Neniam li volus kontraŭvole aŭ nur neeme koncerti. Tiel libere ĝuante sian arton, "KAJTO" plej potence transdonas sian pasion al sia publiko !

Dankon.

Laŭ KAJTO-inspiro...

*HENK KAJ LA MEVO*

*Infan' ludinta sur strand' kun krabo*
*Jus forta Henk, dekkvar-jara knabo,*
*Sur lugro velis hieraŭ ĝoje*
*Al alta maro unuafoje.*

*Vualis nub' horizonton nigre,*
*Kaj tamen fiŝkaptistar' malpigre*
*Preparis sin por baldaŭo ĝisa;*
*Ne pluvon timas maristo frisa.*

*Samtage Henk observadis mevon.*
*Ĝi, kiel li, realigis revon.*
*La laro kuris el nest' sur sablon,*
*Plurfoje provis la flugkapablon.*

*Movante siajn flugilojn blankajn,*
*Tuj forgesinte apogojn mankajn,*
*La bird' ekflugis al sun' rapide*
*Kaj poste ŝvebis trankvile, fide.*

*La trol' plenplenis de eglefino,*
*Merlango, antaŭ la tagofino.*
*Subite tiam sur mar' tempestis,*
*Danĝere ondoj nun ekmolestis.*

*Pli forte krampu ja cin, matroso !*
*Martelas kiel sur saŭmamboso !*
*Kaj jen ferdekon balaas ondo,*
*Perforte portas ĝi Henk'n el mondo.*

*Nur lastmomente la knabo vidis,*
*Ke apud li la mevido sidis.*
*Li tuj rekonis la novfluganton.*
*Rezigne kriis ĝi knaran kanton.*

*Matene sekvis ĝi ŝipon rite.*
*Dumtage surdis ĝi al avert' spite,*
*Flugilojn lacigis l' kontraŭvento*
*Por krima ondo... jen dua pento !*

-- **Marcelo REDOULEZ**

---

## Koncerto de RAMONES kaj THE POGUES en BOURGES, Francio, la 3an de majo 1992

Nun finiĝas la festivalo **Printempo de Bourges**. Ni atendis ĝojan, viglan etoson en la urbo, sed ŝajnas ke la festivalo estas nur sinsekvo de koncertoj en salonoj. Mankas rokbandoj sur la stratoj, homamaso, ĝojo -- en unu vorto, mankas la festo. Kia bedaŭro!



**Ramones**

Feliĉe ni havas pli interesan perspektivon -- la koncerto kunigas **Ramones** (novjorka rokbando) kaj **The Pogues** kiuj ludas irlandan folkrok-muzikon. Kia programo!

Nun ekas la festo kun **Ramones**. Ili komencas je cent kantoj hore koncerton kiun ili finos je ducent, por la plej granda plezuro de publiko jen korpskuanta, jen kapsvinganta, jen piedfrapanta, jen ĉiuj tri samtempe. Ni malkovras **Ramones** kiel ni imagis ilin: kvazaŭ ne movantaj sed ludantaj tre rapide kaj tre tre laŭte. **Joey** (la sola el la originala bando kiu rezistis al dek ses jaroj da turneoj) kaj la tri pli-malpli novaj anoj sinsekvigas duminutajn, triakordajn erojn, paŭzante nur por bleki sian militkrion **«1, 2, 3, 4!»**. **Ramones** fakte ne estas bando, ili estas vivanta legendo. Ĉiu rokemulo devas vidi almenaŭ unufoje en sia vivo tiun karikaturon de **Rock 'n Roll. «Gabba Gabba Hey!!»**

Baldaŭ sekvas **The Pogues**, kies kutiman kantiston **Shane McGohan** devas anstataŭigi **Joe Strummer** (kantisto de **The Clash**). Li bedaŭrinde ne venas, kaj la flutisto de la bando kantos la ariojn kutime blekatajn de **Shane**, tiu neanstataŭigebla kaj talenta ebriulo. **The Pogues** tamen bone kaj entuziasme koncertas, ludante siajn plej famajn erojn. Ili uzas multajn diversajn muzikilojn kaj rekreas la varman etoson de tradiciaj irlandaj kantoj. Sed ŝajnas ke mankas io. Aŭ iu -- laŭ ni, la fantomo de **Shane** daŭre ŝvebos super la bando.

-- **Stephan kaj Soizic**

# intervjuoj

## sola SOLO sole

**Eduardo VARGAS, de Málaga en Hispanio, estas la konata muzikisto SOLO. Li estas iomete mistikulo, kaj eĉ en konkreta kaj prozeca intervjuo li sukcesas esprimi sin poezie. Komparu kun la praktikemaj, senfantaziaj demandoj de Flo!**

**Flo** *Solo -- kion signifas tio?*

**Solo** Multajn diversajn signifojn, kaj ankaŭ malfacilajn. La vorto *solo* alvenas de la unua internacia lingvo, la sanskrita, kaj signifas *soleco en la spaco*, kiam ekzistis neniuj materiaj aferoj... kaj interne de ĝi aperis ĉiuj aferoj -- kiam la frukto komencis formiĝi, komencis aperi la diversaj kanaloj por konstrui ĉiujn mondojn, kaj komencis aperi aero, lumo, naturo.... Ĝi povas signifi ankaŭ trankvilecon. *Solo* povas signifi ankaŭ ke mi estas sola, ludante esperantan muzikon. Kaj *solo* povas signifi ankaŭ «solo» de instrumento, ekz-e solo de gitaro, solo de piano,... sola kafo *[rido]*.

**Flo** *Vi estas Solo, sola -- sed kiu?*

**Solo** «Sola, sed *kiu?*» Kiu estas *mi*? Kiu estas *vi*? Kiuj estas *aliaj*? Kio estas la galaksioj? Kio estas la makrokosmoj, mikrokosmoj ekde la mikroatomo pasanta tra ĉiuj regnoj? Mi estas persono kiu havas sufiĉe da memoro, do mi povas krei vivon, krei muzikon. Ekzistas aliaj formoj de vivoj kiuj ne povas esti esprimitaj per vortoj -- do ni devas vidi tion kvazaŭ ni vidas la stelojn kiuj moviĝas sur granda lumo kiu ekzistis ĉiam. *Ĝi* estas sola.

Kiu estas mi? Mi estas humila persono, modesta persono kiu intencas esprimi miajn ideojn kaj la ideojn de aliaj kiuj ekzistis antaŭ ol mi. Kaj mi uzas la internacian universalan lingvon, kiu estas muziko. Dank' al ĝi ĉiuj ni homoj povas interparoli, interkomuniki ĉiujn ideojn.




**Flo** *De kiam vi muzikas?*

**Solo** Mi muzikas depost 15 jaroj, kvankam tio ne estas tute certa -- eble mi muzikas ekde mia naskiĝo. Ĉar interne de la ventro de nia patrino jam ekzistas muziko -- la koro havas ritmon 4/4, aŭ povas esti 2/4, aŭ ankaŭ 3/4. La ritmo estas muziko. Sed poste en via vivo, kiam vi estis infano, kiam vi tuŝas ĉiujn aferojn, kiam vi sentas, kiam vi intencas paroli, jam komencas aperi la unuaj atonalaj sonoj kaj atonala muziko.

**Flo** *Kio donis al vi ideon kanti en esperanto? Ĉu vi delonge sciis pri tiu ĉi lingvo?*

**Solo** Mi serĉis strangan lingvon kun nuancoj kiuj ne povas esti esprimitaj kiam mi intencas esprimi miajn ideojn en la gepatra lingvo. Ĉar kiam mi volis kanti en la hispana lingvo, mi ne sukcesis. Poste mi trovis la «anglan lingvon de la montaro» *[rido]*, tio estas formi strangajn sonojn kiuj similas iom al la angla, sed ne estas. Poste mi trovis esperanton, kaj mi diris al mi: «Tio estas bona ideo, povi kanti en esperanto, ĉar per ĝi mi povas esprimi miajn muzikfajrojn per universala lingvo, por aliaj popoloj de la tuta mondo. Kaj eble mi povas kontakti aliajn popolojn ankaŭ de aliaj universoj.»

**Flo** *Kiel vi sukcesis ekkoni esperanton?*

**Solo** En Malago, mia urbo, ekzistas granda strato kiu nomiĝas Esperanto. Mi ne sciis pri la signifo de la vorto. Poste mi aŭdis pri ĝi kaj mi komencis lerni dank' al s-ro **Julio HERRERO**, kiu estas instruisto en Malago. Li prezentis al mi la lingvon, kaj mi komencis lerni. Kaj mi poste komencis kanti kiam mi vidis ke esperanto enhavas multajn nuancojn kiuj estas tre kanteblaj. Kaj mi vidis ke ĝi povas esti bona ideo por fari arton, por helpi la evoluon de la muziko.

**Flo** *Vi diris ke estis problemoj kun neesperantistoj kiam vi prezentiĝis. Kio okazis?*

**Solo** Okazas ke ili havas siajn proprajn orelojn tro kutimintajn al la angla. Tio signifas ke ili evidente ĉie aŭdis multajn diversajn anglajn grupojn. Mi diras ke tio estas difekto. Ili pensas ke la internacia lingvo devas esti la angla lingvo -- sed la vero estas ke devas ekzisti aparta lingvo kiu enhavas interne de si nuancojn kiuj venas de la aliaj. Ili pensis ke tio ne eblas, kaj ili foriris de mi, de la lingvo, kaj ankaŭ de la ideo. Mi pro tio estas sola kaj... **Solo** *[rido]*.

**Flo** *Ĉu iu helpas vin pretigi la tekstojn de viaj kantoj?*

**Solo** Kiam venas en mian menson kanzono en esperanto, kun melodio kaj kun akompanoj, oni poste korektas por mi. Sed nenion pli.

**Flo** *De kiam vi lernas la lingvon?*

**Solo** Mi lernas la lingvon depost *ĉiam*! Ĉar post ses monatoj mi komprenis *ĉion*. Pro tio mi diras ke eble depost ĉiam mi lernas esperanton. Sed tio daŭras de tri jaroj.

**Flo** *Ĉar multaj personoj ne konas vian muzikon, ĉu vi povos iom klarigi ĝin?*

**Solo** Ne. Estas malfacile klarigi stilon kiu estas stranga. Estas diversaj miksaĵoj: araba kaj fenicia folkloro, popo, aperas ankaŭ klasikaj nuancoj. Oni povus diri ke mi faras «sintezilan etnan popon» -- sed mi ne dirus ke mia muziko havas ununuran etikedon. Mi ne estas rokemulo, mi ne faras rokon, mi avertas vin. Mia muziko povas havi multe da forto, ĉar mi uzas la fortajn varmegajn ritmojn de la islamaj popoloj, kaj ankaŭ de la haitiaj, de la senegalaj, de la dezertaj ritmoj. Sur ĝi aperas pop-strukturo, diversaj klasikaj nuancoj, kaj eble mia propra stilo por konstrui frazon.

**Flo** *Kial tiu proksimeco al Nord-Afriko? Ĉu ĉar Málaga estas aliflanke de la Mediteraneo?*

**Solo** Mi influiĝis evidente de maroka ritmo, ĉar tio estas apud ni. Kaj ankaŭ aliaj islamaj landoj. Mi

ne povas diri unuनuran, ĉar ili koleras inter si, kaj mi devas diri «islaman kulturon», kio estas preskaŭ duono de la mondo.

**Flo** *Sed kial tiuj influoj? Ĉu vi havas radikojn en tiuj landoj, aŭ helpantojn kiuj venas de tie? Kio donis al vi la emon elekti tiujn stilojn kaj influojn?*

**Solo** Mi mem aŭdis, kaj mem poste faras. Mi pensas ke la muziko estas kvazaŭ pentraĵo, kaj mi poste kreas ĉion prenante diversajn nuancojn kiuj aperas interne de la diversaj formoj de muziko, de folkloro, de arto. Mi devas diri ke en la tekstoj mi ne uzas rimadon -- ĉar mi ne verkas unue kaj poste muzikas. Mi atendas ke la muziko alvenas al mi, la tuta muziko -- ĉar tio estas tekniko kiun uzis multaj diversaj komponistoj en la mondo, ekz-e **Mozart, Beethoven, Gustav Mahler, Ŝostakoviĉ, Bela Bártok**, kaj aliaj.

Mi uzas naivan kaj spontanean formon por komponi, ĉar mi ne deziras perforti la virinon, kiu estas la muziko. La muziko estas kiel ina ideo -- ni devas karesi, ni devas trakti ĝin per korinklino, sed ni devas ne perforti. Aliaj muzikistoj sukcesas kiam ili verkas, kaj poste muzikas, sed mi neniam.




**Flo** *Kion vi faris ĝis nun por konigi vian muzikon?*

**Solo** Mi faris apenaŭ ion, ĉar Malago estas malbona merkato. Mi koncertis pli da fojoj en Francio ol en Hispanio, ĉar mi koncertis en Barcelono 3-foje, kaj en Taragono, kaj en Malago 1- aŭ 2-foje. Sed mi jam koncertis 6-foje en Francio.

**Flo** *Ĉu vi neniam koncertis en aliaj landoj?*

**Solo** Ne, mi ne ankoraŭ povis. Sed espereble mi baldaŭ povos iri al aliaj landoj -- estus granda plezuro por mi.

**Flo** *Kiel vi sukcesis aperigi vian diskon?*

**Solo** Mi ne scias ĉu mi vere sukcesis, ĉar ankoraŭ ne pasis sufiĉe da tempo. Sed mi komponas, mi kreas nun -- mi havas jam 15 kanzonojn en esperanto surbendigitajn. Sed mi havas multajn, multajn kanzonojn en mia kapo. Mi esperas ke iom post iom mi povos surbendigi aliajn.

**Flo** *Kiam aperis via disko kaj kiel vi faris ĝin?*

**Solo** Ĝi aperis en marto 1990. Mi surbendigis ĝin la antaŭan jaron, en du monatoj, ĉar la surbendigejo funkcius kun aliaj grupoj, kaj mi devis atendi mian vicon. Sed mi esperas ke baldaŭ mi povos denove surbendigi, ĉar tio plaĉas al mi.

**Flo** *Ĉu ĝi estis surbendigita en profesia studio, kaj kie? Kiel vi sukcesis ĝin produkti -- ĉu vi mem produktis ĝin, ĉu esperantistoj helpis?*

**Solo** Oni helpis min unue, sed mi devos poste redoni la monon al ili kiam mi vendos, evidente, ĉar multekostas surbendigi. Estas malfacila afero por muzikistoj, ĉar ni ne trovas subvenciojn nek mecenaton kiu povas apogi nin. Mi luktas kaj daŭre laboras, sed estas malfacile.

**Flo** *Kie vi surbendigis ĝin?*

**Solo** Mi surbendigis en Malago ĉe la surbendigejo **ASM-Records**. Ĝi estas bona surbendigejo ĉar ĝi havas bonajn profesiajn aparatojn. Mi uzis la sintezilon **Roland-D50**, kiu estas granda profesia sintezilo kiu troviĝas ĉe ĉiuj profesiaj internaciaj grupoj. Ĝi estas tre konata. Kaj mi uzis ankaŭ modulon **Roland-D110**. Ktp.

**Flo** *Ĉu aliaj muzikistoj helpis?*

**Solo** Nur gitaristo, kiu estas amiko, **Manuel Monolosil**, kiu estas muzikisto en Malago depost 1969. Li estas jam 45jara, kaj multe vojaĝis. Li estis en grupo **Scorpions**. Sed neniu alia. Mi sola surbendigis ĉiujn voĉojn, ankaŭ falsetojn kaj basojn. Mi uzis ĉiujn instrumentojn kun diĝita samplo-informoj tra la sintezilo, kaj ankaŭ diversajn efektilojn.

**Flo** *Kial vi faris diskon anstataŭ kasedon, pli facile vendebla en Esperantio?*

**Solo** Mi ne sciis pri tio. Mi havis tiom da problemoj ke mi neniam plu eldonos sondiskon. Mi uzos kasedojn, ĉar kompaktdisko estas tro multekosta por mi.

Sed disko havas bonan sonon, ĉar en la kaneloj aperas klara kaj definitiva signalo, kaj oni povas aŭdi la muzikon tre bela kaj korekta. Kasedo estas facila por sendi, por kunporti, kaj por aŭskulti, sed ĝi ĉiam perdas sonon.

**Flo** *Ĉu vi havas ion novan pretan por baldaŭ?*

**Solo** La estonteco estos surprizo, ĉar mi ankoraŭ ne scias. Mi havas dek novajn kanzonojn kun moderna stilo. Kiam mi jam surbendigos kaj finos la produkton, mi konigos ĝin -- sed nun mi nur silentos.

**Flo** *Sed por nia gazeto povus esti escepto...? Estus novaĵbombeto, se vi povus ion malkaŝi de tiu surprizo.*

**Solo** Mi diris antaŭe ke depost infanaĝo oni komencas muziki uzante atonalojn. Eble mi reiros al tiu epoko, kaj uzos atonalojn por konstrui verkon por simfonia orkestro. Sed nenion pli mi diros, ĉar mi ankoraŭ ne finis ĝin.

**Flo** *Vi malkaŝis ion, sed restas tamen surprizo, ĉu ne?*

*Nun, pri la koncertoj. Ni konstatis ke vi ludas sola, kompreneble. Ĉu vi ne pensas ke tio estas iom tro senmova, ke se aliaj muzikistoj akompanus vin, estus iom pli vive sur scenejo?*

**Solo** Kompreneble. Se mi estas sola nun, tio ne signifas ke mi ĉiam estos sola. Mi nun devas profiti por konigi mian muzikan stilon, kaj ankaŭ mian esperantan stilon. Sed se mi trovus personojn kiuj povus akompani min, estus pli sukcesa afero. Mia celo estas formi grandan esperantan orkestron kiu akompanos min.



**Flo** *Kaj ĉu tiam la grupo nomiĝos Solo?*

**Solo** Jes. **Solo** kun orkestro, evidente. Mi ne trovas alian formon. *Solo* havas, kiel mi jam diris, diversajn sencojn, kaj tio sufiĉas por mi. *Solo* estas facila nomo por prononci en ĉiuj lingvoj, oni facile komprenas kaj

memoras kiam oni vidas «**Solo**».

**Flo** *Kiel vi sentas kiam vi estas sur scenejo?*

**Solo** Simple ke mi estas ludanta por ili, kaj mi klopodas doni al ili bonan estadon, ke ili komprenu mian muzikon, kaj miajn tekstojn se ili parolas esperanton.




**Flo** *Ĉu vi sukcesis ludi antaŭ neesperanta publiko?*

**Solo** Jes. Mi ludis kaj kun multaj grupoj kaj ankaŭ sole. Sed mi pensas ke pli sukcesas en esperanto ol en aliaj formoj, ĉar mi ekkonis personojn kiujn mi neniam povus koni antaŭe. Per la hispana lingvo mi ne povus tiel kontakti kun fremduloj. Nun mi povus koncerti por ĉinoj, japanoj, amerikanoj....

**Flo** *Kion vi preferas -- ludi antaŭ publiko aŭ ludi inter kvar muroj en studio?*

**Solo** Ambaŭ aferoj estas interesaj. Mi eble povas preferi surbendigi kaj produkti. Sed kiel povas mi disvastigi mian produkton se mi ne ludas? Pro tio mi devas ludi. Iuj eble pensas ke mia ludado estas tro senmova kaj tro enuiga, tamen aliaj pensas kontraŭe ke mi faras strangan originalan bonan muzikon kaj ke tio povas esti bona por la evoluo de esperanto kaj ankaŭ de la propra muziko.

**Flo** *Do la publiko ne timigas vin?*

**Solo** Ne, ili ne timigas min; eble mi timigas *ilin*. Mi preferas timigi ilin ol inverse. Mi havas sufiĉan sperton pri la scenejo, mi fidas min mem, mi ludas trankvile, kaj mi klopodas doni ĉiujn mesaĝojn por ke ili povu tute klare kompreni min. Se aliaj pensas alion -- ili estas liberaj, evidente. Mi ofte renkontis rokemulojn. Mi ne estas rokemulo -- mi diras tion denove. Floréal povas pensi libere, kaj ankaŭ mi. Mi ne estas rokemulo -- mi diras tion denove *[rido]*, trian fojon. Mi komprenas kaj respektas la rokemulojn, precipe esperantistajn rokemulojn, sed mi uzas alian alternativon interne de la internacia formo.

**Flo** *Tamen modernan.*

**Solo** Modernan, jes. Mi faras strangan muzikon, kaj mi povas *uzi* rokon, sed ne roko *min*. Ĉu vi komprenas? Mi uzas rokon interne de miaj propraj muzikfajroj, sed ne roko *min*. Mi ne estas rokemulo.

**Flo** *Do vi ne estas rokemulo, sed vi aŭskultas rokon ĉiutage.*

**Solo** Ne! Mi ne aŭsultas rokon. Mi aŭskultis rokon lastfoje en la koncerto de la **Rozmariaj Beboj**, en Bordozo -- kvankam ili ne faras puran rokon, ĉar ili miksas tre bone multajn diversajn folklorojn kaj diversajn nuancojn. Sed ekz-e la grupo **T.T.P.** estas tro roka por mi *[rido]*. Mi ne ŝatas tion. Mi respektas, mi silentas, sed mi ne ŝatas. Mi aŭdis rokon kaj mi memoras multajn kanzonojn, gravajn kanzonojn de la historio de roko --

**Flo** *Kiujn grupojn!?*

**Solo** Nu, mi povas memori **Led Zeppelin**, kiu estis por mi *la* granda rokgrupo en la historio, precipe ilian «Ŝtuparon ĝis ĉiel' ». Ankaŭ **Deep Purple** estis por mi granda rokgrupo. Kaj **Soft Machine**. Kaj **Uriah Heep**. Poste aperis simfonia roko, ekz-e **Genesis**, ja temas pri granda grupo. Kaj poste **Van der Graaf Generator**, **Rush**, kaj diversaj aliaj.

**Flo** *Kaj la novaj, kiel **Simple Minds**, **New Order**, kaj tiaj grupoj, ĉu ili plaĉas al vi?*

**Solo** De la nuntempaj grupoj mi aŭdas preskaŭ nenion. Eble **Dazibao**, ĝi estas bona roka grupo, kaj eble iliaj majstroj, **Joy Division**, estis la grandaj grupoj de la 80aj jaroj. Mi tutvere ne aŭskultas modernajn grupojn, mi aŭskultas nur klasikan muzikon.

**Flo** *Nun?*

**Solo** Nun kaj nur!

**Flo** *Vi faras dieton, ĉu?*

**Solo** Dieton de roko? *[ridoj]* Ne. Dieton ne, ĉar mi neniam estis rokemulo. Okazis ke mi aŭdis kelkajn grupojn; mi respektas ilin, mi respektas la forton de ekz-e **Iron Maiden**, sed mi ne povas kompreni la rokemulojn.

Mi estas **Beatles**-maniulo. Tio signifas ke ekde ĉiam mi ŝatas **Beatles**, ĉar **Beatles** evidente estis la granda ekzemplo por ĉiuj ni muzikistoj kaj ŝatantoj de moderna muziko, ĉar ili havis multajn nuancojn pri diversaj folkloroj.

**Flo** *Sed **Beatles** faris rokmuzikon!*

**Solo** Ne, ne. Ne estas rokmuziko. Ĉar ili havis multajn kanzonojn, ekz-e «Penny Lane »*[kantetas la melodion]*, tio ne estas roko. Tio estas klasika formo. «Eleanor Rigby» *[denove kantetas]*, ankaŭ tio estas klasika formo. Aliaj belegaj kanzonoj estas «Strawberry Fields Forever» -- psikodelio, kio estas alia vojo interne de la propra evoluo, de la muziko kiun ili kreis antaŭ dudek jaroj.

**-- aranĝis RoKo**



# LA MEVO

**Ni renkontis la virtuozan unuhoman orkestron, ONO Takao el Japanio. Jen kiel li prezentas sin kaj sian muzikon!**

**Rok-Gazet'** *Mi konas nenion krom vian kasedon* **Bluo**. *Ĉu vi povas skizi vian grupon?*

**Takao** Kiel mi respondis en intervjuo en *Revuo Esperanto*, ĝin naskis mia eksamiko **Saeki** en la jubilea jaro. Li nomis ĝin tiel, kaj mi ne scias kial. Mi pensis kaj pensas ke **La Mevo** ne estas bando, sed unuo kie kolektiĝas muzikemuloj. Nur mi restas ĉefa membro, kaj nun rolas kiel reprezentanto. Ne necesas reprezentanto, sed se ne, oni ne povas mendi, ĉu ne? Mi kun **Saeki** publikigis la unuan kasedon, ***La Nomkarto***. Oni bedaŭrinde nun ne povas aĉeti ĝin, ĉar ĝi elĉerpiĝis. Kaj antaŭ nelonge aperis *Bluo*, kie kunlaboris amiko **Micu** por parte ludi pianon. Kaj baldaŭ publikiĝos nova kasedo, ***Vizaĝoj***, eble ĉirkaŭ la fino de '92.



**Rok** *En* **Bluo** *oni aŭdas multe da sintezilo, kaj malmulte da gitaro. Ĉu same en la sekvanta kasedo?*

**Takao** Nun mi emas utiligi sintezilojn por komponi kantojn, same kiel **Solo**. Por mi komputilo konektita al sinteziloj estas unu el la muzikiloj. Ne miskomprenu ke mi tre ŝatas tiun stilon. Sed mi ne povas ne tion fari, ĉar mi estas preskaŭ izolita. Ĉu vi konas tiun kiu donos al mi bandanojn? Por *Vizaĝoj* mi uzos pli ol kvar sintezilojn, ekzemple **Korg-M1**, **Yamaha-SY99**, **Ensoniq**, **Proteus**, kaj aliajn. Pro tio la sono mem fariĝos pli riĉa kaj pli tridimensia. Kaj se temas pri gitaro, mi ludas **MIDI**-gitaron en *Bluo*. Oni povos trovi pli da sono de ordinaraj gitaroj en *Vizaĝoj*.

**Rok** *Kio estas la temo de* **Vizaĝoj**?

**Takao** Ne mi, sed aŭskultantoj trovas temon en mia kantaro. Mi nun povas diri ke ĉiu kanto en *Vizaĝoj* havas propran nomon de homo kiu loĝas en iu urbo. Aperas diversaj homoj kiuj pensas kaj sentas diversmaniere. Mi neniam krias kontraŭ kritiko ĉu miaj kantoj havas mesaĝon aŭ ne. Sentigi estas grave. Mi kovras ĝin sub facile kompreneblaj vortoj. Kaj mi ĉiam konsideras ĉu mia muziko kaj teksto havas econ iom novan, aŭ ne.

**Rok** *Kion vi elĉerpis tra la laboro por* **Bluo**?

**Takao** *Bluo* estas la unua produktaĵo kiun mi surbendigis en la studieto de **La Mevo**. Mankis prilaborado. Mi ne kontentas ĉefe pri efektoj kaj voĉoj. Mi povas diri ke efektoj estas parte troaj, kion menciis Bertrando en *Rok-Gazet'* n-ro 3. La sono fariĝos pli solida kaj pli seka en *Vizaĝoj*. Kaj la aspekto de la kasedo estas iom mizera pro ĝia malplej multekosta prezo. Sed la manieron por produkti mi heredos. Mi surbendigos tuton daŭre en mia studieto, kaj vendos kiel eble plej malmultekoste.

**Rok** *Vi kreas mem kantojn kiuj kompreneble konsistas el muziko kaj teksto. Kion vi opinias pri la rilato?*

**Takao** Mi ne ŝatas doni kategorion al kantoj, sed oni klasigas ilin ĉefe laŭ la muziko, ne laŭ la teksto. Estas fakto ke iukategoriaj kantoj havas fortan mesaĝon, ktp. Jes, ambaŭ estas gravaj, sed miaopinie la plej grava estas la ritmo de frazoj por rokmuziko. Mi akceptas diversajn muzikon kaj enhavon de tekstoj, sed malakceptas malbonan ritmon. Ju pli rapida fariĝas tempo, des pli grava estas ritmo de frazo. Kiam mi kreas kantojn, mi cerbumas ĉu la frazoj lerte naĝas sur la ondoj de la muzikakompano.

**Rok** *Ĉu vi havas vortojn por la legantoj?*

**Takao** Skribu al mi, se vi emas diskuti pri **Elvis Costello**, **Paul MacCartney**, **Eric Clapton**, **Peter Gabriel**, kaj **La Mevo**.



# En Diskeldoneja ĝangalo

## Bondage Productions: La Alternativo

Krom la kelkaj esperanto-kased- kaj disk-eldonejoj kiujn vi konas, ekzistas amasego da aliaj en ĉiuj landoj en kiuj rokbandoj aktivas.

La rokbandoj de tiuj eldonejoj kantas plej ofte en la lingvo de la lando, kelkaj en la angla.

Dum nia ĉeesto en la **Roka Ŝtato 92** en **Montpellier** (Francio), ni vidis multajn el tiuj eldonejoj kiuj prezentis siajn varojn.

Kompreneble estis pli da francaj, sed ankaŭ estis hispanaj, belgaj, italaj, kaj eŭskaj reprezentantoj.

Tie ni renkontis **Marsu**, unu el la plej famaj reprezentantoj de unu el la plej aktivaj francaj sendependaj diskeldonejoj, nome **Bondage Productions**.



**Marsu**

**Bondage Productions** festas ĉi-jare siajn 10 jarojn da ekzisto. Ĝi estis de la komenco la eldonejo kiu donis al la francaj anarko-punk-rok-grupoj la eblecon aperigi diskojn paralele al la grandaj industriaj diskfirmaoj; pro tio oni nomas tiujn diskeldonejojn ankaŭ «sendependaj».

**Berurier Noir**, unu el tiuj grupoj, lasis grandajn memoraĵojn ĉe ĉiuj rokuloj.

Ĉe la komenco, la rokbando **Brigades** kreis la eldonejon **Rock Radicals Records** en Parizo por aperigi siajn diskojn. Tiam alvenis **Berurier Noir** kiu aperigis en la sama eldonejo du disketojn.

**Rock Radicals Records** kaj **Chaos Production** estis la unuaj punk-diskeldonejoj en Francio.

Post malkonsento en **Rock Radicals Records**, **Brigades** disiĝis kaj la eldonejo fariĝis **Bondage Records**. Aliaj membroj de **Brigades** daŭrigis la grupon kaj kreis novan eldonejon, **Negative Records**.

La kreado de tiuj sendependaj diskeldonejoj alportis multon por la alternativa rokmovado de la 80aj jaroj en Francio.

**Bondage Records** rapide disvolviĝis, malkovrante kaj helpanta multajn rokbandojn kiuj hodiaŭ fariĝis referencoj, almenaŭ en Francio. Ni citu **Berurier Noir, Washington Dead Cats, Ludwig von 88, Les Satellites, Les V.R.P., Babylon Fighters, Les Endimanchés, Nuclear Device**, ktp....

En la komenco, la produktaĵoj de **Bondage** estis distribuitaj de **New Rose**, de kelkaj aliaj malpli grandaj distribuejoj kiel **Rock Hardi** kaj **Gougnaf**, kaj ankaŭ per koresponda vendoservo.

De 1989, pro la eksplodo de la roka scenejo en Francio, **Bondage** diversigis sian katalogon kaj pro tio ŝanĝis sian strukturon, kreante diversajn stiltemajn fakeldonejojn. Sub sia nova nomo, **Bondage Productions** mastrumas:

-- **Houlala**, kiu zorgas pri punkroko kaj alternativa sendependa franca roko (**Ludwig von 88, Les Thugs, Washington Dead Cats, Dileurs, Suspense Rubberband, Joueurs, Les Cadavres, Raymonde et les Blanc Becs**, ktp.).



**Ludwig von 88**

-- **Houlala International**, pri eksterlandaj artistoj (**Mike Rimbaud**) aŭ artistoj de sendependaj anglaj kaj kanadaj diskeldonejoj (kiel **Vinyl Solution, Decoy, Cargo**, ktp.), kun la rokgrupoj **The Hard-Ons** kaj **The Johnnys** el Aŭstralio, **The Barracudas**, ktp.

-- **Stop It Baby**, nur rokenrolo kaj muziko de la 60aj jaroj (**Maniacs, Shifters, King Size**, ktp.).

-- **Zelig**, industria muziko, mondmuziko, kaj tio kio iras trans la kutimajn limojn de la muziko (**MKB, Die Bunker, Dazibao, Noise Gate, Complot Bronswick**, ktp.).

-- **Independence**, repo, ragamufino, kaj dancmuziko (**Gunshot, Massilia Sound System, M. Appeal, Les Fabulous Trobadors, Bouducon Production**, ktp.).



**Massilia Sound System**

La aktuala katalogo de **Bondage Productions** kun siaj fakeldonejoj enhavas pli ol 45 artistojn kaj 200 referencojn.

Distribuas ilin **Danceteria*** en Francio, **Big Bang** en Belgio, **Semaphore** en Nederlando kaj Germanio, **Bingo** en Danio, **Tuxedo** en Svisio, kaj **Cargo** en Kanado. Krome daŭre funkcias perkoresponda vendoservo ĉe **Bondage**.

**Bondage** kunlaboras kun **Vynil Solution** el Britio kaj **Maniak Records** el Svisio, kiuj ĝin rajtigas produkti

kelkajn el siaj artistoj.

**Bondage Productions** projektas la eksportadon de sia katalogo; pro tio, pli kaj pli, **Bondage** partoprenas la internaciajn rok- kaj pop-ekspoziciojn, kiel **Midem** (Francio), **Umbrella** (Britio), **B.I.D.** (Germanio), **N.M.S.** (Usono), **I.M.M.** (Italio), ktp.

**Bondage** diskonigas siajn bandojn organizante turneojn kaj festivalojn en Francio kaj en najbaraj landoj, kunlabore kun la naciaj kaj regionaj komunikiloj, sed ankaŭ per la «subtera» kaj paralela gazetaro en Francio kaj en diversaj aliaj landoj.




Ĝis nun neniu el la grupoj de **Bondage** kantas esperante. **EUROKKA** rilatiĝis kun diversaj el tiuj rokbandoj, kaj inter ili **Nuclear Device**, **Ludwig von 88**, kaj **Berurier Noir** interesiĝis pri la ideo kanti tekstojn en esperanto. **Nuclear Device** eĉ eklernis esperanton, sed ili forlasis la lernadon pro manko de tempo -- tiuj grupoj tre aktivas (koncertoj, turneoj, studioj, ktp.).

Ĉiukaze, nuntempe nur tiaj sendependaj diskeldonejoj povus interesiĝi pri esperanta rokmuziko se ĝi pliviglîĝus.

La renkontiĝo kun **Marsu** en **Bondage Productions** konfirmis tion.

Vi povas mendi la katalogon skribante (eĉ en esperanto) al

**Bondage Productions**
**17, rue de Montreuil**
**F-75011 PARIS**
**Francio**
**Tel. +33 (1) 43 79 88 55**
**Faks. +33 (1) 43 72 49 91**

### *Tutlaste

**Bondage Productions** sciigis al ni ke **Danceteria** ĉesigas definitive la distribuadon. **Bondage** subskribis kontrakton kun **FNAC Music**.

Ekde nun la katalogo de **Bondage** estas distribuata de **Wotre Music Distribution** kaj **New Rose**, laŭ la referencoj.

Krome, la amaskomunikiloj naciaj kaj internaciaj (**The Independent**, **The European**, **BBC1**, **BBC5**, **DRS3**, **MTV**, ktp.) ekentuziasmiĝas pri la okcitanaj repbandoj **Massilia Sound System** kaj **La Fabulous Trobadors**.

Kaj por fini, de tiu lasta somero **Bondage** kunlaboras kun **Remanence**, grava societo kiu efektivigas klipojn.




**-- Flo!**







Ekde 1969 muzikbrigado batalis por ke sono, energio, kaj nova parolo ŝprucu el siaj instrumentoj.

**Magma** estas tiu grupo, **Christian Vander** ĝia estro.

Por li, ne plu estas io esperinda de la Tero, tiu astro de vivantaj mortintoj.

Pro tio li kreis la mondon **Kobaijo**. Fakte, ĝi estas kontraŭmondo, kontraŭplanedo.

**Kobaijo** estas nur beleco, harmonio, muziko, vibrado, kaj poezio.

**Christian Vander** parolas la lingvon de tiu planedo kiun li inventis -- la **kobaija**.

Ĝi estas lingvaĵo kiu venas de la fundo de la internaĵo, lingvaĵo kiu saltas el la organo, kaj kiu skandita modulas la parolojn de la muzikpecoj de **Magma**.

**Christian Vander** havas sindoneman muzikpasion, admiranto de **John Coltrane**; sorbita de influoj de **Carl Orff**, **Stravinsky**, kaj **Bach**, li serĉis novan esprimmanieron kiun li volis kiel eble plej populara.

Por atingi sian celon li serĉis la plej bonajn muzikistojn.

Dum dek du jaroj la plej famaj instrumentistoj en Francio estis pli-malpli longtempe en **Magma**.



Foto AUBERT - Phonogram

Ĉirkaŭ **Christian Vander** (*Zebëhn Straïn Dë Ĝeuŝtaah*) estas lia nomo en la **kobaija** lingvo, aŭ proksimume, ĉar ĝi havas propran alfabeton kiun ni ne povas plene reprodukti ĉi tie), intersekvis sin **Klaus Blasquiz** *(Klötsz Zaspïaahk)* eksterordinara kantisto, violonisto **Didier Lockwood** *(Stöht Malawëlëkaahm)*, **Benoît Widemann** *(Kahal Negümüraaht)* ĉe klavaroj, la mirindega **Janick Top** *(Wahrĝenuhr Reuĝehlemésteh)* genia basgitaristo, **Bernard Paganotti** *(Wurd Émgalaï)* la dua mirinda basgitaristo, **Stella Vander** *(Tauhd Zaïa)* ĥoristino kaj fratino de **Christian**, kaj multaj aliaj (gitaristoj, geĥoristoj, duaj drumistoj, ktp.), la listo estus tro longa.

# Mistera Enigmo



Ofte **Christian Vander** koncertis kun dua drumisto kaj du basgitaristoj.

Koncerto de **Magma** estis giganta spektaklo.

Ĝia muziko ŝokas, ĝenas, malkvietigas, eĉ instigas angoron kaj panikon.

Estas muziko dura, varmega kiel lafo, malkompatema por si mem, kiu toleras neniun mankon en sia perfekteco, neniun kompromison en sia efektivigo.



**Offering**

Trans tiu vulkano kiu eksplodas je ĉiu noto, estas intensa ĝojo, plezurbrulo, volupta skrapado kiuj kaŝiĝas en tiuj muzikkantoj.

Tuje ili ekaperas kiel kantoj de granda festo kiu elrompiĝas trans la spacon, en universon kiun ni devas penetri kaj kompreni por atingi la ebriecojn de la kontraŭmondo de **Magma**.

**Magma** estis mirindega sursceneje, kie ĉiu instrumentisto posedis, krom talenton kaj teknikon, tiun **Magman** blovon kiu portis nin kun ili en arda ventopuŝo.

**Magma** estas ankaŭ **Christian Vander**. Li estas memstara monumento, unu el la plej grandaj drumistoj de nia epoko kaj tre virtuoza kantisto.

Indus ke oni vidu lin ludi, eĉ sola. Li povus ludi drumon sole dum tri horoj, kaj povintus transskribi la esencon de sia furiozeco.

**Christian Vander** volis prezenti en **Magma** muzikon la plej paroksisman kaj tertreman. Per ĝi li decidis veki la homojn kiuj endormiĝis pro popmuziko, li volis daŭrigi en la vojo de **Coltrane**.

Finfine li sukcesis starigi kion li volis. Tiu **Magma** fariĝis muzikgrupo tute neklasebla, miksaĵo ebriiga kaj fascina, interligante la perforton de roko kaj la aŭdacon de libera ĵazo.

En 1981 **Christian Vander** pensis ke **Magma** misvojis kaj li bremsis ĉiujn proponojn de la produktistoj.

Tio kreis multajn malkontentojn en la grupo, kelkaj muzikistoj foriris.

**Vander** daŭrigis kaj lanĉis paralelan muzik-eksperimenton kreante **Alien Quartet**, kiu ludis normecan ĵazon.

Samtempe **Vander** kun la restantaj muzikistoj de **Magma** starigis ensemblon pli akustikan kaj pli intiman, nome **Offering**.

**Offering** koncertis unuafoje en 1983 en **Forum des Halles** en Parizo.

**Offering** daŭre sekvas la vojon de **Coltrane**.

Tio ne signifas ke **Magma** malaperis -- **Vander** havas projektojn....

En 1982 **Magma** surbendigis sian 11an diskon, sed dum la surbendigo amaso da problemoj stariĝis kun la produktistoj.

Tio decidigis la muzikistojn de **Magma** kaj la soninĝenieron krei propran studion kaj diskeldonejon sendependan por sukcesi kion volas fari la grupo.

La diskoj de **Magma** estis elĉerpitaj delonge kaj la komercaj diskeldonejoj en kiuj ili estis ne reeldonis ilin.

La sendependa diskeldonejo kiun starigis **Magma**, nome **Seventh Records**, reeldonis ĉiujn albumojn kompaktdiske ekde 1989, kaj al la reeldono estis aldonitaj kromaj titoloj aŭ temoj neniam eldonitaj ĝis tiam (vidu la katalogon ĉisube).

Pro tiuj problemoj **Magma** silentis dum pluraj jaroj.

Nun **Magma** renaskiĝas sub la nomo **«Offering -- la Voĉoj de Magma»**.

**Magma** tiel koncertas denove en Francio kaj eksterlande ekde 1991, espereble baldaŭ aperos nova albumo.

**Magma** estas kaj restos unu el la plej grandaj muzikgrupoj, kiu havis la kuraĝon krei sian propran lingvon kiam la plejmultaj grupoj kantis angle.

La originaleco kaj grandeco de tiu ĉi grupo valoras la penon malkovri ĝian tutan verkon.

-- kompilis **Flo!**

**Katalogo de Seventh Records**

| Ref. | | Titoloj | Grupoj | Eld. | Reel. |
|---|---|---|---|---|---|
| Rex 4/5 | KD | *Magma Kobaia* | Magma | 1970 | 1989 |
| Rex 6 | KD | *1001 Degrés Centigrades* | Magma | 1971 | 1989 |
| Rex 7 | KD | *Mëkanïk Destruktiw Kommandoh* | Magma | 1973 | 1989 |
| Rex 8 | KD | *Kohntarkosz* | Magma | 1974 | 1989 |
| Rex 9 | KD | *Wurdah Itah* | Magma | 1974 | 1989 |
| Rex 10/11 | KD | *Magma Hhaï / Live* | Magma | 1975 | 1989 |
| Rex 12 | KD | *ÜdüWüdü* | Magma | 1976 | 1990 |
| Rex 13 | KD | *Attahk* | Magma | 1979 | 1990 |
| Rex 15 | KD | *Retrospektiw 3* | Magma | 1980 | 1992 |
| Rex 14 | KD | *Mythes et Légendes* | Magma | 1985 | 1990 |
| A 1/2 | KD | *Offering 1/2* | Offering | 1986 | |
| Rex 3 | KD | *Merci* | Magma | 1988 | |
| A 3 | KD | *To Love* | C. Vander solo | 1989 | |
| Rex 6Z | KD | *Mëkanïk Kommandoh* | Magma | 1989 | |
| A 4 | KD | *Jour après jour* | Trio C. Vander | 1990 | |
| A 5/6 | KD | *Offering 3/4* | Offering | 1990 | |
| A 8 | KD | *D'épreuves d'amour* | Stella Vander | 1991 | |

**Manaĝer-kontakto**
L.S.M. Diffusion Artistique
Résidence Vallée de la Seine
8, avenue du Président Kennedy
F 78230 LE PECQ
Francio
Tel +33 (1) 39 16 30 31
Fax +33 (1) 48 27 62 88

**Perkoresponda vendoservo**
Seventh Records
101, avenue Jean-Jaurès
F 93806 ÉPINAY SUR SEINE Cédex
Francio
Tel +33 (1) 48 26 10 27
Fax +33 (1) 48 27 62 88

MAGMA



«Christian Vander konstruis ekde 1969 revolucian verkon por la rokscenejo kaj la moderna spirito kiu instigis la plej perfortajn polemikojn kiel la entuziasmojn la plej drastajn. De la muziko ĝis la kanto, ĉiuj elementoj kuniĝis por alproksimigi la lirikan furiozecon de unu el la plej grandaj poetoj estantaj, kiun vi devas malkovri ĝustatempe.»
-- **Antoine de Caunes**

# Tempo perdita pro nenio

Klarigi kio estas la Amikeca Reto por *Rok-Gazet'*?

Kia revo!

Estas evidente ke vi, legantoj de tiu ĉi fan-zageto ne estas vojemuloj, vi nur emas aŭskulti diskojn kuŝsidante en molaj foteloj, salteti aŭ kriegi dum koncertoj, jes ja, sed proksime al sia propra hejmo.

Kial vi emus renkonti homojn je 2 000 kilometrojn for? ... Ĝuste la **Rulantaj Ŝtonoj** aŭ aliaj elstaraj stelgrupoj koncertas regule en la apuda urbego.

Vojaĝi por diskuti, por interŝanĝi diskojn aŭ kasedojn?

Kia revo!

Vi, tralegantoj de *Rok-Gazet'*, estas tro konsumemaj por tion fari.

Jen foto -- tion vi povas almenaŭ okulvideti, sed... temas pri nur malrokmuzikistoj en Japanio.



Jes, jes, evidente vi povus vojaĝi en aliaj landoj por renkonti aliajn muzikamantojn kiuj interesiĝas pri aliaj muzikstiloj, muzikskoloj, muziktradicioj, sed temas ja pri pli malroka ol roka elvojiĝo, kiu neniel povas interesi rokfanojn kiel vi (fano = fanatikulo).

Kia bedaŭro!

Kial prezenti al vi la novan eldonon 92/93 de la **Amikeca Reto**?

Ĝi estas tro dika gvidlibro por vi, destinata por tiuj kiuj deziras paroli, interŝanĝi, vojaĝi, kaj sperti, sed tute ne por sektemuloj kiel vi.

Tamen **EUROKKA** vendas ĝin, kvankam **EUROKKA** ne havas perantojn en 20 landoj kiel la **Amikeca Reto**, mizeruloj ili estas.

Certe **EUROKKA** havus pli da sukceso zorgante pri seksaj aranĝoj ol Esperanto-rokmuziko.

**EUROKKA** perdas sian tempon kaj devus forlasi la ideon de *Rok-Gazet'*, kaj krei ian *Fik-Gazet'* aŭ *Fek-Gazet'*, tiam ne plu estus problemo.




Ni revenu al pli serioza afero, la **Amikeca Reto**. Do, ne nur EUROKKA vendas ĝin, la neortodoksuloj (t.e. skismemaj rokamantoj) povas aĉeti la broŝuron per 50 FRF (aŭ komerco per E-libroj en netranspagipovaj landoj), ĉe:

**Amikeca Reto**
**88, rue Victor Hugo**
**F 37400 AMBOISE**
**Francio**
**tel. +33 47 57 55 63**
**poŝtĝirkonto 154495 V, La Source (Francio), je la nomo de Gérard Rollin**

---

# Nenio perdita pro tempo

Ni ĉiuj estas sektemuloj kaj fanatikuloj, unuj por la aliaj! Kaj reciproke! Mia amiko Gérard Rollin instigas la rokemulojn, ĉu hardajn, ĉu softajn, fakte ĉiajn ajn, interesiĝi pri la **Amikeca Reto**, kaj mi komplete subtenas tion. La **Amikeca Reto** estas utilega rimedo por kontakti verajn samideanojn, por multaj celoj, interalie vojaĝoj. Mi esperas grandan kreskon kaj prosperon por la **Amikeca Reto**.

Sed, uloj, ne forgesu **Pasportan Servon**! Ĝi ekzistas de 15 jaroj, kaj la lasta broŝuro por 1992 enhavas **891** gastigantojn en **60** landoj!

Ne temas pri konkurenco inter la **Amikeca Reto** kaj **Pasporta Servo** -- ili ne havas precize saman celon. La ununura baza celo de **Pasporta Servo** estas ebligi facilan kaj senkostan restadon ĉe esperantistoj. Ĉe la plenumo de tiu ĉi celo, ĝi brilege sukcesis!

La celo de la **Amikeca Reto** estas peri kontaktojn, skribajn aŭ renkontajn, laŭ interesfakoj. Laŭ mi, la du aferoj komplementas unu la alian, kaj tute ne kontraŭas -- ĉio dependas de via persona celo.

**Pasportan Servon** vi povas mendi ĉe **UEA** per 18 NLG, aŭ ĉe via Landa Asocio. Se vi enlistiĝas kiel gastiganto, vi ricevas la broŝuron aŭtomate kaj senkoste!

-- **RoKo**

ROK–
BANDOJ



## *AKVO el Kanado*

### Historio de la grupo (1990, 1991)

La grupo komencis de ideo de *Patris*, kiu volis varbi pri esperanto per rokgrupa muziko. Do li petis *Reĝo*-n brui ĉe li. En tiu tempo estis tri personoj, *Patris*, *Bobby*, kaj *Janika*. Reĝo volis partopreni, sed li ne sciis muzikumi kaj ne havis muzikilon. Sed ĉiam li volis komponi kun ili. La unua titolo estis "La pico brulas en forno", ĉar fakte la pico brulis en la forno.

Poste Reĝo aĉetis klavaron kaj eklernis dum unu semajno. Tio estis necesa por ludi kun la grupo ĉar Janika forlasis ĝin. Reĝo komponis kaj verkis "Ĉiutage".

Per tiu kanzono okazis la unua sukceso de la grupo kiam ili ludis ĝin ĉe *Normando FLEURY* dum Zamenhof-festo 1990. En tiu tempo estis nur du kantoj. La dua estis "Etaj gutoj". Do Reĝo verkis kaj komponis "Daŭrigu naĝi", "Voĉdoni", "Tamara", kaj "Ĉu vere?". La grupo nomiĝis *Fajro*, kaj poste *Bluidoj*.



De maldekstre
**Roger CHOMA**
(bas-gitaro)
**Patrice GERMAIN**
(kanto)
**Robert CHOMA**
(gitaro)
**Reĝo OSTIGNY**
(klavaroj)
**Jean-Pierre DOUCET**
(drumoj)

#### Komenco de la nuna grupo (1992)

Nur restis Reĝo de la malnova grupo. Ĝemeloj *Robert* kaj *Roger* komencis ludi kun li en majo. Triope ili ludis ĉe Universitato de Kebekio en Montrealo, kaj poste ili ludis dum la I.J.K. tie. Nun, Patris revenis en la grupon kiel kantisto, antaŭe kantis Reĝo. *Jean-Pierre*, nova grupano, drumas. Robert gitaras, kaj Roger basgitaras. Patris kantas kaj gitaras. Kaj Reĝo klavaras kaj foje kantas. En tiu tempo la grupo prenis nomon *Akvo*.

Akvo ludas alternativan rokon, io inter roko kaj nov-aĝa muziko.

#### Projektoj

Nun la grupo volas surbendigi siajn kantojn. Patris volas fari vidbendon de unu kanto, "Daŭrigu naĝi". Sed la grupo nun finkomponas kaj plibonigas la kantojn, por doni tempon al Patris kaj Jean-Pierre lerni ilin.

#### Esperanto

Reĝo eklernis esperanton en 1987 kiam Patris vidis afiŝon pri ĝi en la aŭtobusoj de Lavalo kaj Montrealo okaze de la jarcento de esperanto. Li tuj esperantiĝis kaj flugis al la I.J.K. de Zagrebo. Patris eklernis esperanton de Reĝo en 1990. La aliaj estas ankoraŭ lernantoj.

***Por kontakti la grupon:***

**Régis OSTIGNI**
**4681 Blvd. St.-Rose**
**LAVAL, QC H7R 1Z8**
**Québec Kanado**

-- **Zdravka METZ**

(R-G malkovris **Akvo**-n dank' al Oliver MOREAU, en JEFO Informas -

# En la rusa krizo

En Rusio ne nur politikaj ŝanĝoj okazas, sed ankaŭ disiĝoj.

**Oleg SVIRSKIJ** anoncis al ni jam en *Rok-Gazet'* n-ro 3 ke pro malsama penso la rokbando **Kredo** disiĝis. De tiam ni ne plu havas novaĵojn de Kredo, kiu devus eldoni kasedon titolotan *Sizifa Konfeso* -- ni eĉ anoncis ĝin en la katalogo de **Vinilkosmo**.

Sed jen sekvo de la afero. **Sergej KUKIN** sendis al ni demon (demonstran bendon) de **Sen Nomo**. Tio estas **Kredo** sen Oleg SVIRSKIJ, kiu foriris kun la nomo. Kompreneble, la eksbandanoj de **Kredo** restis... **Sen Nomo**.

**Sen Nomo** konsistas el: **Tatjana KUKINA** ĉe klavaroj, **Andreo TAŜLIKOV** ĉe basgitaro, kaj **Sergej KUKIN** ĉe kantado, gitaro, kaj drummaŝino (Oleg SVIRSKIJ estis la drumisto).

En **Kredo**, Sergej estis la gvidanto kaj aŭtoro de la muziko, Oleg la aŭtoro de la tekstoj. Forirante, Oleg krom la nomon prenis ankaŭ la tekstojn de la bando. Pro tio Sergej devis reverki novajn tekstojn, kaj tiu laboro okupis lin dum multa tempo.

**Sen Nomo** estis finfine preta por surbendigi sian albumon en studio. Samtempe en Rusio, krizo kaj ekonomiaj reformoj okazis, kaj tio malhelpis kaj malebligis la surbendigon. Restis al **Sen Nomo** nur la ebleco labori hejme kaj surbendigi la albumon per simpla surbendigilo. Tiel aperis la unua demo de la albumo de **Sen Nomo**, titolita *Homo en kaĝ'*. Ĝi estas ilia kreo, ilia animo kaj amo, ilia ĝojo kaj doloro!

Bedaŭrinde pro manko de teknikaj rimedoj, la surbendigo ne estas sufiĉe bonkvalita, sed ĝi donas bonan ideon de la muziko de **Sen Nomo**. Ĝi situas inter la unuaj albumoj de **Yes** kaj **Genesis**, ni diru "progresiva rokmuziko", aŭ "simfonia roko" ĉe la limo de "ĵazroko".

La albumo *Homo en Kaĝ'* daŭras proksimume 30 minutojn, kaj havas kvar titolojn: *Estu ventego!*, *Dioj diru al mi*, *Nostalgio*, kaj *Homo en kaĝ'*. Ili estis surbendigitaj en januaro 1992.

Nun **Sen Nomo** laboras por pretigi duan kaj trian albumojn samstilajn, sed Sergej volas krei ankaŭ pop-albumon kaj muzikojn por esperanto-filmoj. **Sen Nomo** havas abundajn planojn, sed multaj bariloj bremsas ĝian agadon.

Sergej kaj lia rokbando bezonegas helpon por atingi siajn celojn. Eble **Vladimir SOROKA** en Svedio povos doni al **Sen Nomo** la eblecon surbendigi en **Pig-studio** por finfine konkretigi la songôjn de Sergej.



de maldekstre, **A.Taŝlikov, T.Kukina, S.Kukin**

Li bezonas interŝanĝojn de ideoj kaj spertoj kun aliaj esperanto-muzikistoj kaj rokemuloj. Por pliaj informoj kontaktu la bandon ĉe:

**Dzerĵinskij -av 31-56**
**RUS 150052 JAROSLAVL**
**Rusio**
**Sergej KUKIN**

-- **Floréal**



# malrok-muziko

Por skizi la evoluon de la ĝenro, mi donas ĉi tie komentitan superrigardon (pli-malpli kronologian) pri la diversaj eldonoj (vidu ankaŭ la «kasedografion» ĉe la fino).

## La moderna engaĝita kanto en esperanto

-- Kaseda aŭ Kantaŭtora Kulturo

La ŝanĝoj kiujn la sesdekaj jaroj portis al la socio de la «evoluinta» mondoparto, Usono kaj Okcidenta Eŭropo, intime ligiĝas al la kultura fenomeno, la t.n. «kantaŭtora» ĝenro de moderna muziko. Kiel la nomo sugestas, la kantisto kaj tekstas kaj komponas siajn kantojn aŭ kanzonojn plej ofte mem, aŭ teame kunlaboras tiucele kun tekstistoj kaj komponistoj. La tekstoj estas aparte gravaj; ili esprimas socipolitikan engaĝiĝon. Difini la muzikstilon eblas nur malfacile. Ĝenerale, temas pri solkantanto (kiu -- foje intence -- ne estas arte altnivela), ofte kun gitara akompano, kvankam tiu ĉi povas esti subtenata aŭ eĉ anstataŭata de orkestreto (kaj akompana kantado). En la fokuso de la aranĝado tamen ĉiam troviĝas la teksto kun sia mesaĝo. Unu el la monde plej konataj reprezentantoj de la ĝenro estas **Bob Dylan**.

Kompreneble, tiu muzika movado influis ankaŭ la esperantan kulturon. La moderna engaĝita kanto fariĝis grava parto de la originala muzika kulturo de Esperanto. Precipe en kunteksto de ĉi tiu lingvo, ĝi estas transira fenomeno en la evoluo de klasika muziko al rokmuziko. Kun ambaŭ (kiuj ankaŭ siavice estas iasence transiraj) ĝi havas komunajn trajtojn.

### Kaseda kulturo

La sukceso de la nova ĝenro en Esperantujo ligiĝis al la malkovro de tekniko, tiumomente jam disvastiĝinta ekster la esperanta kultursfero: la muzikokasedo. Por medio kiel la esperanto-movado, ĝi estis aparte grava, ĉar, en diaspora lingvokomunumo, ĝi ebligis facilan transportan interŝanĝon (ĉefe perpoŝtan), kia ne eblis tiom facile por disko. Ankaŭ la produktado kaj multobligado estis pli simplaj, kaj eblaj sen grandaj financaj investoj. Nuntempe denove atendeblas nova revolucio dank' al la evoluo de k-diskoj (kompakt-diskoj).







### Antaŭuloj kaj pioniroj

Pionira en la evoluigo de la moderna engaĝita muziko en Esperanto estis kolekto de tradukitaj (plejparte usondevenaj) kantoj kiu aperis jam en 1967 kiel profesie eldonita disko kaj kasedo kun la nomo *Jen nia mondo* (kiu estis la titolo de unu el la kantoj). Kantas neesperantista profesinivela duopo (el Nederlando), kiu nomis sin **Duo Espera**. La projekton gvidis **Wouter Pilger**, kiu prizorgis ankaŭ la tradukojn, lerte adaptante ilin por internacia publiko.







Kiel antaŭuloj de la nova ĝenro menciindas *Kantanta mia bird'* (1973) en kiu **William Auld** anticipis la engaĝiĝon por etnaj minoritatoj pere de traduktoj de popolkantoj el minoritataj kulturoj, kantataj de **Margaret Hill**. Similan rolon plenumis *Tra l' mondo* (1977) de **Olivier Tzaut** kun tradukoj de **Claude Piron**.

### La sepdeknaŭa, ĉu decida jaro?

La avangardeco de *Jen nia mondo* malkovriĝas se ni konsideras la tempan distancon ĝis la venonta simila muzikeldono. Temas pri *danĝera ul'* de **ĵak' lepŭil'** (notu la minusklan kaj esperantigan skribon), kasedo kiu enhavas tradukojn el la franca branĉo de la kantaŭtora ĝenro. Ĝi aperis neantaŭ 1977 ĉe la itala eldonejo **la nuova frontiera**, kiu poste fariĝos grava esperanto-eldonejo sub la nomo **edistudio**. Samjare kaj samloke aperas la kasedo *la vojo*, la unua de la kantisto kaj muzikisto **ĝanfranko mol(l)e**. Eble oni povas konsideri ĝin pli malnova, ĉar jam antaŭe cirkulis prototipo, la *pravojo*. Ĝi estas tiom pli grava, ĉar ĝi grandparte entenas originalajn kantojn (de **Auld**, **Baghy**, **Boulton**, kaj aliaj).

La ĝenro apogeis en 1979 kiam **edistudio** eldonis tri kasedojn sub la etikedo **«muzika kulturo»** (kvara sekvis kun la «opozicia» etikedo **«parola kulturo»** en 1980). La unua, *horo da opozicio*, kunigas tradukitajn maldekstremajn kaj anarkiistajn politikajn kantojn, kantatajn de **ĝanfranko (mol[l]e) kaj ĝuljo (kapa)**. La dua, *venos liber'*, kantata de **marĉela fasani**, prezentas kolekton de emancipaj kantoj de etnaj minoritatoj, tradukitaj (ne ĉiam el la originala lingvo) de **Renato Corsetti**. Li cetere estis motoro de tiu ĉi produktado kaj kontribuis al ĉiuj eldonoj de 1979 kaj 1980.

Sekvas la kasedo *kontakto* kun originalaj satiraj, por kelkaj eĉ provokaj kantoj pri la esperanto-movado. Eble oni ne atribuus tiun ĉi kasedon al socipolitike engaĝita muziko, kvankam ĝi esence estas tia. Ĝi esprimas certan opozician sintenon al la establiĝinta esperanto-movado, malkaŝas ties rutinajn kaj etburĝajn trajtojn, kaj substrekas la politikan valoron de esperanto-agado.

La kasedo *per nia nura vol'* de la kantistino **suzana** enhavas aron de inismaj kantoj parte tradukitaj, parte originalaj aŭ adaptitaj. Kvankam ĝi oficiale ne estas parto de «muzika kulturo» de **edistudio**, la rondo de aktivantoj ĉirkaŭ ĝi estas esence la sama.

**Revenoj**

Post la sukcesa sepdeknaŭa jaro jam anonciĝas la velko de la juna elanoplena ĝenro. Jam en 1980 aperas tute alispeca kasedo ĉe la kooperativo **Literatura Foiro**, nome *La poezio de la «Patrolo»*. Kvankam la kantisto denove estas **Gianfranco Molle** (ĉi-foje la nomo ne estas esperantigita!), ĝi prezentas originalan esperanto-poezion pure beletran sen ajna socipolitika engaĝiĝo (la «Patrolo» estas grupo de poetoj ĉirkaŭ *Literatura Foiro*, kun **Giorgio Silfer** kiel ties ĉefa reprezentanto).

Nur en 1982, **jak le puil** sukcesas reveni kun miksaĵo de tradukitaj kaj originalaj kantoj sub la programa titolo *revenas mi*, kaj (jam majuskliĝinte) kiel **Jak Le Puil** kun simila kolekto en 1985. Dume, la tradicio, komencita per *Tra l' mondo*, daŭras dank' al la kasedoj *Karnavaleto* (1981) kaj *FRANDU PIRON* (1982), ambaŭ enhavantaj engaĝitajn kantojn, kvankam la socipolitika temaro ne estas tiom centra kiel ĉe la produktaĵoj de **«muzika kulturo»**.







La torĉon de tiu ĉi etikedo pluportas la kasedo *baf!* (1985) kun la kantistoj **ĝanfranko**, **gido**, kaj **marĉela**. Ĝi enhavas kantojn pri socipolitikaj temoj, tradukitajn el la germana kaj la itala.

En 1986 la kantaŭtora epoko transiras al la rokmuzika per la apero de la unua kasedo de **Amplifiki** kun la titolo *Tute ne gravas*. Oni facile komprenas ke la rokmuzika kulturo estas daŭrigo de la kantaŭtora, ĉar socipolitikaj temoj restas grava ero de la nova muzikospeco kaj la estiĝo de muzikoj kaj tekstoj estas same kantaŭtora. Alia daŭrigo de la tradicio estas la folkloreca muziko de la grupo **Kajto**, kiu almenaŭ en sia unua k-disko enhavas socipolitike engaĝitajn kantojn.

**Temoj de engaĝiĝo**

La sekva tabelo resumas la specojn de engaĝiĝo (+ signas la ĉeeston de originalaj kantoj, ++ indikas ke la kantoj estas [preskaŭ] ekskluzive originalaj).

| | originalaj | speco de engaĝiĝo |
|---|---|---|
| 1967 *Jen nia mondo* | - | socipolitika, pacema |
| 1973 *Kantanta mia bird'* | - | (etna) |
| 1977 *Tra l' mondo* | - | (etna) |
| 1977 *danĝera ul'* | - | socipolitika |
| 1977 *la vojo* | + | socipol., pacema, esperanta |
| 1979 *horo da opozicio* | - | socipolitika, pacema |
| 1979 *venos liber'* | - | etna |
| 1979 *kontakto* | ++ | esperanta |
| 1980 *per nia nura vol'* | (-) | inisma |
| 1980 *La poezio de la «Patrolo»* | ++ | - |
| 1981 *Karnavaleto* | - | (etna, triamonda) |
| 1982 *revenas mi* | + | socipolitika |
| 1982 *FRANDU PIRON* | - | (kontaŭperforta, pacema) |
| 1985 *baf!* | - | socipolitika, pacema |
| 1985 *De Pont-Aven' al Varsovi'* | + | socipolitika |

Nesurprize, la tabelo relative ofte indikas engaĝiĝon por etna emancipiĝo. Verŝajne, tio ligiĝas al la fakto ke la esperanto-movado mem estas minoritato-kulturo, luktanta kontraŭ lingva diskriminacio. La kantaŭtoroj montris ke tiu batalo havas socipolitikajn implicojn, nesilentigeblajn per la nocio de neŭtraleco.

La tabelo montras ankaŭ ke la rolo de originale esperantaj kantoj fariĝas pli grava. Tio ankoraŭ pli videblas en rokmuziko.

**Duŝo**

La teknika kvalito de la kasedoj varias. La spontaneo kaj improviza karaktero de la pioniroj kaŭzis nesufiĉan kvaliton ĉe la komencaj kasedoj de **la nuova frontiera** (poste **edistudio**). Laŭdire, la cirkonstancoj ne permesis ke la registrado de ekzemple *horo da opozicio* daŭru pli ol unu horon. Kompreneble, tio ne povis ne havi konsekvencojn por la kvalito, sed aliflanke donis al la verko ĝuindan freŝecon, konvenan al ĝia enhavo. En la dua eldono de *la vojo* jam ne plu aŭdeblas la fonsona «duŝo de **edistudio**».

Oni verŝajne ne devas kompari la reinterpreton de tradukita kanto kun tiu de la originala kantaŭtoro. La vervaj kantoj de **Wolf Biermann** multe perdas pro la flegma (kvankam pli bela) voĉo de **ĝanfranko**. Aliflanke, kelkaj kantoj precipe el *venos liber'* kaj *per nia nura vol'* estas pli ĉarmaj ol en la originalo.

**Parola kulturo**

Malantaŭ kantaŭtora verkado kutime troviĝas idearo kiu kaŭzas la permuzikan engaĝiĝon. Tio kompreneble validas ankaŭ por la esperantaj reprezentantoj de tiu ĝenro. Unu ero de tiu idearo estas tamen aparte grava por ĉi-lastaj: plifortigi la neskriban literaturon kaj tiel la **parolan** kulturon de Esperanto. Ni ne forgesu ke la internacia lingvo kaj sekve ties literaturo komenciĝis skribe, kaj ĝis nun ĝia skriba kulturo estas eksterordinare grava. Tion ŝanĝi aŭ almenaŭ ekvilibrigi estas eksplicita celo de la kantaŭtoroj. Antaŭ tiu fono kompreniĝas ke la transskribo de propraj nomoj estas pli ol simpla «alifarado».





Krei altnivelan neskriban kulturon fariĝas ĉiam pli grava tasko de la esperanto-**parolantoj** en nia postlibra epoko (sendepende de tio ĉu oni konsentas pri la malkreskanta signifo de la libro). En tiu kunteksto, la kantaŭtoroj havas grandajn meritojn. Ilian taskon daŭrigos la rokmuzikistoj -- espereble same meritoplene.

-- **Martin Haase**

**Kasedografio**

1967 *Jen nia mondo*; kantas **Duo Espera**; trad. **Wouter Pilger** (unue kiel disko, ĝis nun havebla kiel kasedo)

1973 *Kantanta mia bird'*; kantas **Margaret Hill**; trad. **William Auld** (unue kiel disko)

1977 *Tra l' mondo*; kantas **Olivier Tzaut**; trad. **Claude Piron**; **LF-koop** (disko kaj kasedo)

Escepte de alia indiko, ĉio kio sekvas estas ekskluzive kaseda.

1977 *danĝera ul'*; kantas/trad. **ĵak' lepŭil'**; **la nuova frontiera**

1977 *la vojo*; kantas **ĝanfranko mol(l)e**; trad./orig. **Auld, Baghy, Corsetti**... (muz. **Molle**...); **la nuova frontiera**

1979 *horo da opozicio*; kantas **ĝanfranko (mol[l]e), ĝuljo (kapa)**; trad. **Corsetti**; **edistudio, «muzika kulturo»**

1979 *kontakto*; kantas/muz. **ĝanfranko**; orig. **Cappa, Corsetti, Danvy, Molle, Zamenhof**...; **edistudio**

1980 *per nia nura vol'*; kantas **Suzana**; trad. **Corsetti, Brennan**; **«parola kulturo»** (= **«muzika kulturo»**)

1980 *La poezio de la «Patrolo»*; kantas/muz. **Gianfranco Molle**; orig. **«Patrolo», LF-koop**

1981 *Karnavaleto*; kantas **Olivier Tzaut**; trad. **Claude Piron**; **LF-koop** (ankaŭ kiel disko)

1982 *revenas mi*; kantas/muz. **ĵak le puil**; trad./orig. **jopedan, ĵak le puil, F. Zamenhof**; **edistudio, «muzika kulturo»**

1982 *FRANDU PIRON*; kantas **Claude Piron**; trad. **Johán Valano**; **LF-koop**

1985 *baf!*; kantas **ĝanfranko, gido, marĉela**; trad. precipe **Corsetti**; **edistudio, «muzika kulturo»**

1985 *De Pont-Aven' al Varsovi'*; kantas/muz. **Ĵak Le Puil**; trad./orig. **jo petro danvy**...; **edistudio, «muzika kulturo»**






# Recenzo pri *La Koro-Sutro*

Scivole mi aŭskultis ĉi tiun k-diskon kaj kasedon registritan dum koncerto en la Universitato de Berkeley (Kalifornio). Nur la unua el la tri partoj konsistas el ĥorkantado kies vortoj -- la *Koro-Sutro* -- estas budhisma filozofia teksto el la unua jarcento antaŭ kristo. Ĉu eble tial ĝi sonis fremde al miaj oreloj?

La muziko foje elvokis religian gregorian kanton, foje pli orientan harmonion; kaj ĉiam delikata plezuro fontis al aŭdado de tiom puraj voĉoj, realigantaj perfektan interpretadon.

La dua kaj tria partoj konsistas el instrumenta muziko skribita por diversaj muzikiloj, inter kiuj kelkaj nekutimaj frapinstrumentoj. La plej stranga muzikpeco estas tiu kun «bovlaj sonoriloj» en kiu aŭdiĝas ĉefe haŝioj frapetante rizbovlojn....

La tria parto, suito por violono kaj gamelano, estis kunlabore komponita de Lou Harrison kaj Richard Dee. La tuto estas plaĉa sed foje monotona, malgraŭ la granda ritmo-varieco.




La esperanta traduko de la *Koro-Sutro*, kiun faris Bruce N. Kennedy, estas bela kaj konciza, sed foje ĝi aldonas al la strango-sento; ĉu intence? Mi konfesas ke mi plurfoje devis rigardi la anglan originalon por kompreni, ekz-e *«moviĝinte en praktiko de la saĝo pluirinta»*, aŭ *«Li, senbaran koron posedante, sen-timulo kaj falsecvenkinto, per Nirvano la subteniĝinto»*....

Konklude, plezuriga kaj konsilinda aŭskultado por tiuj kiuj ne timas eliri el siaj ŝablonoj.

K-disko (15 USD) kaj kasedo (9 USD) haveblas ĉe Elna (plus 1.5 USD por sendokostoj).

-- **Ĵanet**

Notoj: *haŝio* (japane *hasi*): manĝbastoneto. *gamelano* (jave *gamelan*): muzikilaro el bambuaj ksilofonoj, gongoj, kaj diversaj frapinstrumentoj. *saĝo pluirinta*, laŭ la angla teksto, devus esti *saĝo transcenda*.

# Por infanaj komencantoj

*Kantu Esperante kun Janico kaj Johano* estas kasedo kun tekstolibreto eldonita de **Infanoj ĉirkaŭ la Mondo**.

Tiu ĉi kasedo povas utili por instrui esperanton per kantoj al infanoj, kvankam la kvalito ne estas inter la plej altaj.

Temas pri 12 konversaciaj kantoj verkitaj de **Charlotte KOHRS**, interpretitaj de **Janice** kaj **John ATKINSON**, akompanataj per akustika gitaro.

La ilustraĵoj de la tekstolibreto desegnis infanoj diversaĝaj.




La kasedo kun la tekstolibreto haveblas por 7 USD + sendokostoj ĉe:

**Infanoj ĉirkaŭ la Mondo**
**3876 Belmont Avenue**
**SAN DIEGO, CA 92116**
**Usono**

aŭ ĉe ELNA (vidu en la listo de perantoj, paĝo 2).

# TUTE NE GRAVAS

# Kontraŭkomerca Muzika Manifesto

Tedegas nin vivi en urbo kie disaŭdiĝas nur muziko kiu submetiĝas al la mono. Ni estas uloj kiuj muzikas, kiuj disaŭdigas programojn en liberaj radiostacioj, kiuj distribuas kontraŭkomercan muzikon, aŭ kiuj tutsimple aŭskultas ĝin kaj emas organizi koncertojn kaj aliajn aferojn.

Ni volas distanciĝi de la komercaj muzikaj rondoj manipulataj de la diskeldonejoj, de la koncertejoj kiuj volas nur monon, kaj de la koncertegoj de la urbodomo. Ni volas distanciĝi de monotoneco kaj brutiĝado.

Ni volas apogi kaj faciligi iniciatojn de memmastrumado kaj muzika memproduktado, de koncertoj, turneoj, provludejoj, ktp.

Muziko estas ero de nia kulturo kiel alternativa esprimo kontraŭ la oficialaj kulturo kaj muziko. Nia muziko estas portilo por antagonismaj ideoj, kaj ĝi kunrilatas multajn aliajn aferojn, kiel nian ĉiutagan batalon por travivi en tiu ĉi sistemo, kaj nian deziregon malfermi spacojn kie eblos esprimi nin.

Ni intencos atingi, ĉe la oficialaj organizaĵoj, la celon de provludejoj, koncertejoj, ktp. Se tio ĉi ne eblos, ni sukcesos akiri ilin per kiu ajn metodo.

**Restu aŭskultantaj!**

**-- elhispanigis Fokomelo**

__Subtenas :__

- **Potencial H.C.**
- **Sin Dios**
- **Tarzan**
- **Colectivo Discordia**
- **Os Verjalhudos**
- **Barrio Conflictivo**
- **Molotov**
- **Lucha autonoma**
- **Olor a Sobaco**
- **Gato salvaje**
- **Juventudes libertarias de a Coruña**
  (liberecana junularo de Korunjo)



# Iom pri influoj de la muziko

La muziko estas potenca energio kiu povas aliecigi nian konscion. Konsciaj pri tiu realo jam ekde la pratempo, uzis ĝin en siaj ritaroj la primitivaj triboj. Poste, pri tio vaste verkis kaj konsilis tra la tuta historio kleruloj el la tuta mondo: **Platono** (*Respubliko III*), **Aristotelo** (*Politiko, VIII*), **Sankta Aŭgusteno** (*Konfesoj X, 33*), **Boetius** (*De Musica)*, **Sankta Tomaso de Akvino** (*Summa*), **Pitagoro**, k.a.

La muziko havas grandan povon kiu ne nur kapablas ŝanĝi diversajn emociajn kaj psikajn statojn kaj restarigi la energiojn de la homoj, sed povas ankaŭ influi homojn agadi laŭ difinita konduto.

Nuntempe multaj el tiuj grandpovaj komercistoj kiuj regas la muzikan komercan merkaton bone konas tiun povon kaj priprofitas ĝin por kontroli homojn ĝenerale kaj gejunulojn specife.

Lastatempe estas **psikologio**, helpata de aliaj sciencoj kiel **endokrinologio** aŭ **aksiologio**, kiu prizorgas kaj esploras la influon de la muziko al la modifoj en spira ritmo, en sanga cirkulado, en glanda sekreciado, kaj en emociaj statoj.

Kiam ni analizas la anatomion de homo kaj de sono, ni konstatas ke estas nedisigebla paro inter persono kaj sono. De kie venas tiu rilato?

Sendube, ekzistas tre kurioza fenomeno en la naturo de la vibroj: se ni ludos noton sur piano kiam estas proksime gitaro, ni observas ke en la gitaro vibros la sama noto. Tio nomiĝas «vibro pro simpatio».

Same okazas al nia korpo. Se ni kutime aŭskultos muzikon kiu alcelas ĥaoson, ankaŭ nia menso, laŭ «leĝo pri korespondado», iros en psikologian ĥaoson.

Ĉar ĝi estas fizika energio, la sono eĥiĝas sur la tuta surfaco de nia korpo, filtriĝas tra la poroj ĝis la endokrinaj glandoj, kaj ordigas aŭ malordigas normalan produktadon de hormonoj. Eventuala eksternorma produktado de hormonoj kiel la tiel nomataj «gonadotrofinaj» aŭ seksaj hormonoj povas provoki nekontrolatajn reagojn.

Do, estas grave laŭ mia kompreno ke ni estu konsciaj pri tiaj influoj. Estas fakto ke preskaŭ ĉiuj homoj aŭskultas iam muzikon. Sed bedaŭrinde oni povas aserti ke nur dek procentoj elektas plene konscie kiun muzikon ili deziras aŭskulti. Ekzemple, multfoje kiam ni estas en trinkejo, butiko, aŭ en kiu ajn publika ejo, ni nepre devas elteni muzikaĵojn (plejofte laŭtegajn), kiujn ni ja ne elektis. Ĝuste tion ni devas eviti, ĉar la vibroj de tiuj muzikaĵoj influas al ni tra la subkonscio.



*«La Tao ĉirkaŭvolvas kaj vindas nin, antaŭas kaj sekvas nin, diferenca kaj nediskutebla, mankhavas nomon kaj vortoj ne estas certaj por nomi ĝin. Kiam vento fajfas inter la kanojn de la bambuo, la ĉielo kaj la tero kunharmonias en la Muziko de la Tao; tiel, la kanto de la bambuo estas pura kaj klara, samkiel la voĉo de la Tao, patrino de ĉio, principo de ĉiuj estaĵoj.»*

Aliflanke, la muziko iĝas pli kaj pli fabrika produkto inter multaj aliaj produktoj, kiel pulvora supo, televidprogramoj, aŭ kondomoj. Pasinttempe diversaj muzikformoj (ekz. rokmuziko) agis kiel revoluciaj manifestacioj. Sed la kapitalisma merkato rapide englutis kaj sklavigis ilin. Nun eĉ la politikaj partioj uzas rokstelulojn por propagandi.

Tiu meĥanika produktado en muziko esprimas ĝeneralan staton de nia kulturo, kiu montriĝas lastatempe per uzado de elektronikaj rimedoj. La uzado de tiuj sinteziloj en la moderna muziko kaj ĉefe en la komerca muziko spegulas kiel ni forpuŝas naturecon kaj anstataŭigas ĝin per intensa artefariteco.

Reago al tiu situacio estas la **biomuziko**, kiu naskiĝas el pluraj esploroj pri **bioenergio**, kaj kiu celas direkti muzikon al konkretaj magnetaj centroj de la homa korpo, celante vigligi difinitajn energio-kirloventojn de la kaŝita anatomio de la homo, restarigante fizikajn kaj mensajn energiojn ĉe la homoj.




La **biomuzikon** oni nomas ankaŭ **muzikterapio de la Nova Erao.** Ĝi uzeblas kun ĉiuj homoj kaj rilatas al la sciencoj pri konduto, ĉar ofte ĝi okupiĝas pri helpo al plibonigo de perturbiĝoj kaŭzataj de la interna kaj socia medio kiu premas la homon.

La tri principoj sur kiuj baziĝas la konoj kaj teknikoj de la **biomuziko** estas:

1. Starigo kaj restarigo de interhomaj rilatoj. Por tio, ni havas kiel laborekzemplon la «median aŭ motivigan muzikon», kiun oni uzas en oficejoj kaj industriejoj.

2. Atingo de la memestimo voje al memefektiviĝo. En tiu principo oni laboras pere de **aksiologio**, kiu studas la valorojn kaj misvalorojn en la homo. Tiusence, ni povas mencii **doktoron Steven Halpern**, kiu verkas kontraŭstresan muzikon.

3. Uzi ritmon, harmonion, kaj melodion por doni aŭ restarigi energion, ekzemple la **«Longeojn»** de la **baroka muziko** en la sistemoj de superlernado de **doktoro Lozanov**.

La muziko plenumas la leĝon pri trieco **(triamasikamno)**: harmonio, melodio, kaj ritmo. Tiuj estas la principoj de la muziko de la kosmo, kiuj pensigas nin pri tio kion esprimis **Pitagoro** en sia *«Muziko de la Sferoj»*.

La melodio estas la ina parto de la muzika tuto. Ĝi estas la sekvo de muzikaj notoj por krei kanzonon. En ŝtonroko kaj damna metalrokmuziko oni uzas reziduajn melodiojn, traktitajn per nekontrolata distordo, kies ondoj estas tre malutilaj kaj nocaj por la alfaj ondoj de nia cerbo, kiuj malstreĉigas nin.

La harmonio estas la vira subtenilo kiu elstarigas la funkcion de la muziko. Sed jen ni trovas ke en la ekstrema rokmuziko oni uzas distordigajn pedalojn kiuj troe ŝanĝas la tembron aŭ sonkoloron de la instrumento, kaj tiel influas al menskonfuzo inter la aŭskultantoj. Tiu danĝero ne devus ekzisti se oni uzus korekte la elektronikajn muzikilojn. Tiel okazas kun kelkaj komponistoj de la **Nova Erao**, de ĵazo, aŭ de popmuziko, kiuj saĝe uzas la elementojn de la moderna teknologio.

Trie, ni troviĝas kun la ritmo, fakte la plej grava karakterizaĵo de roko. Ofte la ĥaoso kaj la ritmo intermiksiĝas, kaj produktas fandiĝojn kun granda hipnota povo, kiuj memorigas pri tribaj muzikaĵoj de kelkaj primitivaj popoloj.

La ritmo en la rokmuziko plejofte agas pere de la tiel nomata «kontraŭaĵo», tio estas notoj kiujn oni ludas en la malforta parto de la takto aŭ mezuro antaŭitaj de silento. Tiu ritmo okazigas difektan interhaltitan spiradon, kaŭzante muskolajn streĉojn kaj streson.

Mi povus mencii ankaŭ alian teknikon, tio estas sinkopo, kiu devenas el la antikvaj originoj de la ĵazmuziko. Tiuj notoj perdigas la gravitcentron kaj kreas etoson de psikologia nesekureco.

En unu el siaj libroj, **Fernando Salazar**, konata muzikesploristo, klasifikas la muzikon laŭ ĝia vibra kvalito, kaj subdividas ĝin en kvar grupojn:

a. **Muziko por la suprakonscio.** Kelkaj klasikuloj (**Mozart, Bach, Beethoven**) kaj komponistoj de la **Nova Erao**. En Usono, **Steven Halpern** (**Ancient Echos**), **Iasos**, **Richard Burmer, Burn & Dexter** (**Golden Voyage**). En Britio, **Anthony Phillips** (**Finger Painting/Private Parts**), **Nicholas Land** (**Night Echoes**), **Dennis Quinn**. En Germanio, **Deuter**, **Klaus Chulze, Peter Baumann, Edgar Froese** (**Tangerine Dream**). En Argentino, **Lito Vitale, Daniel Fumega**. En Katalunio, **Guillermo Cazenave**. Kaj en Japanio, la unuaj muzikaĵoj de **Kitaro**.

Tiu muziko sintonizas kaj agordas nin kun la tavoloj de la plej profunda konscio tra la supra emocia centro, kiu konektas nin kun la dieco.

Ne ĉiam estas facile digesti la muzikon de tiuj komponistoj, ĉar la infrakonscio tentas nin kun la plej malagemaj sektoroj de nia cerbo, kiuj celas konfirmiĝi rapide per malmultekostaj sonoj kaj facilaj melodioj kiuj nestas en nia cerbo kiel drogo.

b. **Korpa muziko.** Ni trovas ĝin ĉefe en Oriento, ekzemple kun la muziko «**zen**», kies celo estas malstreĉi la korpon por ke malmergiĝu la «**budhata**». **Ronald Lloyd** (**Muziko por Santur**).

c. **Muziko por la personeco.** Estas la tipa muziko de la sociaj baloj, tie estas baladoj, tangoj, ktp. Komence, ŝajnas malnova, sed influas diversmaniere al la emociaj statoj.

d. **Egocentra muziko.** Oni ne povas nei ĝian danĝerecon por nia menso, ĝi alinaturigas kaj falsas nian sencon kiel evoluintaj estaĵoj en la vivo, puŝante kaj tiujn kiuj aŭskultas kaj tiujn kiuj ludas en egocentrajn sintenojn kun avido de protagonismo, sukceso, famo, kaj gloro. Salso, afrokubanaj ritmoj, kanzonoj pri adultoj kaj venĝoj, kaj muzikaĵoj kiuj ekzaltas, laŭdegas, kaj gloras la patriotismon.

Laŭ la sama aŭtoro, la egocentra muziko subdividiĝas en tri kategoriojn:

a. **La muziko de la abismo.** Rilatas specife al la mondo de la inferoj. Ekzemple, **The Rolling Stones** kaj «Simpatio al Demono»; la frazoj kiujn oni aŭdas aŭskultante inverse la kanzonon «*Stairway to Heaven* »(«Ŝtuparo al Ĉielo») de la grupo **Led Zeppelin** («Mi volas iri en la regnon, mi volas iri en la inferon; okcidenten de la plana tero. Mi kantas ĉar mi vibras kun Satano. Ĉiu povo estas de mia Satano...»). Aŭ la teksto de la kanzono «**Kalifornia Hotelo**» de la grupo **Eagles**, kaj «**Sonorilo de la Infero**» de **AC/DC**.

b. **La muziko de Lilith kaj Nahemah.** Karakterizas ĉar ĝi estas altira kaj okazigas subtilajn manifestaciojn de voluptemo, kiuj malvolviĝas per fantazio kaj uzo de kelkaj drogoj. Ekzemple kelkaj kanzonoj de **Pink Floyd**, **Kiss** (*«Kings in Satan's Service»*)....

c. **Satana muziko.** Estas la plej danĝera, ĉar oni komponas en la malbono kaj por la malbono, kvankam eblas transsendi ĝin nekonscie per simpla sintonio. Ĝenerale, tiuj komponistoj praktikas ĉiujn negativajn kutimojn, incitante en siaj festivaloj al sovaĝaj agoj, hipnotiganta la homojn per tiu sinistra povo, kiu kondukas al kolektiva paroksismo, kie restas tute nuligita la konscio. Tiun muzikon ni trovas en kelkaj grupoj de metalroko, punkroko....

Kompreneble, tiu klasifikado estas relative subjektiva, sed tamen povas esti al ni tre utila skemo por ke ni analizu krom la tujan plaĉon aŭ malplaĉon de iu konkreta muzikaĵo, ankaŭ aliajn subtilajn kaj subkonsciajn influojn kiuj povas alporti ĉe ni gravajn konsekvencojn kiujn ni ja ne celis.

Ĉiukaze, la muziko enhavas magian esencon kiun ni povas eltrovi kaj ĝui nur se ni plene konscias pri ĉiuj siaj ecoj.

-- **Tualin Iñaki**



# 6a Internacia Junulara Semajno

*KIEN PASIS ROKO FOR...?*

Mi verkis raporteton pri la 5a IJS -- legu ĝin en **Rok-Gazet'** n-ro 3. Ĝi plejparte perfekte taŭgus por la 6a! Krom ke ĉifoje mi eĉ malpli ĉeestis diversajn aranĝojn, des pli do agrable trinkejumis.
Malmulta rokmuzik' sur horizonto. Marde, la 4an de aŭgusto, estis la balvespero, kun la sama rokenrola grupo. Nu, tute bone -- tre memoraĵveka por ulo kia mi, kiu adoleskis kiam tiuj kantoj unue aperis.

Postajn vesperojn oni povis aŭdi diversajn muzikaĵojn, kaj ne malaltnivelajn, kiel de ruso Miĥail Bronŝtejn kun tre bonaj kaj dentgrince ridigaj rusaj primovadaj kanzonoj; kiel de hungarino Anjo Amika kun am- kaj soci-tema popmuziko; kiel de László Garamvölgyi, same.

En la programfolio estis jena noto: "*La organizantoj sincere promesas ŝanĝi maksimume nur la titolon, enhavon, sinsekvon, precizan tagon aŭ tempon de la unuopaj programeroj. Ĉio alia restos nepre senŝanĝa.*" Kaj ili plenumis sian promeson!

-- *RoKo*








# NOMOJ DE MUZIKSTILOJ

**(Daŭrigo)**

**rokabilo, rokabilmuziko** *rockabilly*. Speco de frua rokenrolo kun elementoj el ritmenbluso, blugraso kaj kantrio. *Elvis Presley; Carl Perkins; Buddy Holly.*

**rokenrolo, rokenrolmuziko** *rock 'n' roll*. **1** Muzikstilo naskita en la 50-aj jaroj el ritmenbluso. La unua formo de roko. *Bill Haley; Chuck Berry; Elvis Presley.* **2** EVITINDA. Roko.

**roko, rokmuziko** *rock*. Tre multspeca muzikstilo. Naskita en la 60-aj jaroj el rokenrolo (la vorto roko tamen inkluzivas ankaŭ rokenrolon). *Bill Haley; Elvis Presley; Beatles; Rolling Stones; Jimi Hendrix; Janis Joplin; Sex Pistols; Bruce Springsteen; U2.* Vd ŝtonroko, metalroko, blusroko, poproko, afro-.

**rokstedio, rokstedimuziko** *rock steady*. Muzikstilo evoluinta el skao meze de la sesdekaj jaroj. Rokstedio estis pli malrapida ol skao, kaj anstataŭigis la blovinstrumentojn per elektra gitaro kaj melodia basgitaro. El rokstedio evoluis regeo. *Alton Ellis, Paragons.*

**rompdancado** *break dance*. Nov-Jorkdevena strata dancado modiĝinta komence de la 80-aj jaroj, karakterizata de akrobataj movoj, Parenca al elektra bugio. Vd hiphopo.

**rumbo, rumbodanco** *rumba*. Latin-Amerika ritmo kaj danco. Vd ĉaĉao, sambo, tango.

**salso, salsomuziko** *salsa*. Moderna Latin-Amerika dancmuziko evoluinta en Kubo en la 40-aj jaroj. Salso estis poste en Usono influita de ĵazo.

**sambo, sambodanco, sambomuziko** *samba*. Tre populara muziko kaj danco el Brazilo. Ligita al la Brazilaj karnavaloj. Vd bosanovo, ĉaĉao, rumbo, tango.



**simfonia roko, simfonia rokmuziko** *symphonic rock*. Speco de roko kun komplika kvazaŭ simfonia strukturo, kaj ofte kun nekutimaj taktoj kaj gamoj. *Yes; Genesis; Marillion.* Vd ĵazroko.

**skao, skamuziko** *ska*. Muzikstilo evoluinta en Jamajko. Mikso de la Afrikdevena Jamajka muziko (ekz. mentoo) kun ritmenbluso. Karakterizaj por skao estis i.a. la refrazaj blovinstrumentoj. *My Boy Lollipop; Specials; Selecter; Madness.* Sub la influo de soulo, skao poste evoluis al rokstedio kaj fine al regeo.

**skato, skatkantado** *scat (singing)*. Ĵaza kantmaniero, en kiu la kantisto imitas instrumentan solon uzante sensencajn silabojn. *Louis Armstrong; Ella Fitzgerald.* Vd repo.

**skiflo, skiflomuziko** *skiffle*. Speco de Brita rokabilo uzanta apud ordinaraj instrumentoj ankaŭ hejmfaritajn, kiel ekzemple lavtabuloj.

**soulo, soulmuziko** *soul (music)*. Muzikstilo kun elementoj de gospelo kaj ritmenbluso. Soulon karakterizas ĉefe forte sentesprimanta kantado. *Aretha Franklin; Otis Redding; James Brown; Randy Crawford.*

**sukuzo, sukuzmuziko** *soukous*. La populara muziko de Kongolo kaj Zairo (antaŭe nomita Kongoĵazo), influita de rumbo. *Dr Franco & OK Jazz; M'Pongo Love; Kanda Bongo Man; Shock Stars.* Vd afro-, bakango, ĉimurengo, hajlajfo, ĵuĵuo, kvelao, makoso.

**svingo, svinga ritmo** *swing (rhythm)*. **1** Certa (ĵaza) ritmo, en kiu la kvaronoj estas dividataj ne en okonoj, sed en okonaj trioloj, el kiuj estas ludataj normale nur la unua kaj tria. Oni povus diri, ke en svingo la okonoj ne estas egale longaj. Vd ŝuflo. **2** Malpreciza pozitiva termino pri la



ritmo de ajnstila muziko. Se muziko estas svinga (se ĝi svingas), ĝi estas ritme plaĉe ludata kaj danciga.

**svingo, svingomuziko** *swing (music).* Speco de ĵazo kreita en la 30-aj jaroj, ludita ĉefe de grandaj ĵazbandoj. Uzas kompreneble svingan ritmon. *Benny Goodman; Jimmie Lunceford; Buddy Rich.*

**ŝlagro** *pop hit.* Furora popa kanto. Vd furoraĵo.

**ŝtonroko, ŝtonrokmuziko** *hard rock.* Pli malmola formo de roko ekzistanta jam de la tempo de rokenrolo. *Hound Dog; Tutti Frutti; Rolling Stones; Cream.* Ŝtonroko poste evoluis al la eĉ pli agresa metalroko.

**tango** *tango.* Danco origine el Argentino. Populara en la tuta mondo kaj speciale en Finnlando. Vd ĉaĉao, rumbo, sambo.

**tvisto, tvistodanco, tvistomuziko** *twist.* Danco, kiu estis moda komence de la 60-aj jaroj, kaj aro da muzikpecoj ligitaj al tiu danco. *Chubby Checker: The Twist; Isley Brothers: Twist and Shout.*

**urba bluso** *urban blues.* Blusa stilo kreita en la 30-aj jaroj kiam blusistoj migris de la kamparo en suda Usono al la urboj en la nordo. Urba bluso ekuzis interalie pianon. *Roosevelt Sykes; Champion Jack Dupree; Leroy Carr.* Vd delta bluso kaj kampara bluso.

**zajdeko, zajdekmuziko** *zydeco.* Muzikstilo parenca al kaĵuno, kreita de la Franclingvaj negroj en Luiziano kaj orienta Teksaso. *Clifton Chenier.*



# Anoncoj por eventualaj esperanto-rokkoncertoj

EUROKKA ricevis diversajn koncert-proponojn por esperanto-rokgrupoj. Indas kontakti tiujn eventualajn organizantojn por esperebIe trovi aranĝon kiu estus sukcesa.

Skribu al ili por interkonsenti taŭgajn kondiĉojn por ambaŭ flankoj (organizantoj kaj esperanto-rokbandoj).

*************************



La asocio FRAPS
(Festivalo Roka kaj Arta kontraŭ AIDOSO)
107 rue de l'Illeberg
F 68200 MULHOUSE
Francio

Ili volas organizi en Alzaco en 1993 la unuan Internacian Rokmuzikan kaj Artan Festivalon kies tute mongajno estos destinita al helpo je malsanuloj kaj je esplorado de aidoso. La datoj de la festivalo ne estas ankoraŭ elektitaj. Pluraj eŭropaj rokbandoj sin proponis, kaj la organizantoj proponas ankaŭ al esperanto-rokbandoj ludi tie.

*************************

Esperanto 94 "La Verda Stelo" aŭ Tereza SABATIER
3/507, rue Pablo-Picasso — 21, rue Pasteur
F 94600 CHOISY-LE-ROY — F 94490 ORMESSON

estas esperanto-asocio kiu ĉiujare partoprenas grandegan festivalon en Choisy-le-Roy, apud Parizo. Tie ili havas budon por prezenti esperanton, sed ili intencas por 1993 ankaŭ proponi esperanto-rokbandojn por la rokmuzika programo. Sendu al ili proponojn pri viaj kondiĉoj por ke ili estu proponitaj en la ĝenerala buĝeto de la festivalo post elekto.

*************************

La demokratiaj politikaj ŝanĝoj en Albanio ebligis ekstarigon de pluraj rokbandoj en la ĉefurbo kaj alie. Koncertoj ekis kaj logis amasegojn da gejunuloj.



Albana Esperanto-Ligo
p/a Gafur Muço
Rruga "Thanas Ziko" Nr 56
TIRANë
Albanio

Ili varbas por esperanto inter muzikistoj; pluraj esperanto-asocioj en Albanio sin proponas por starigi kaj organizi koncertojn en diversaj urboj de Albanio. Ili atendas urĝe respondojn. Endas frapi la feron dum ankoraŭ varmas, ĉu ne?

*************************



Xi'An-a Esperantista Junulara Organizo
p/a ZHU Baogang
Xi'an Gongdianju
CN 710032 XI'AN
Ĉinio

Ili rilatas kun urba turisma oficejo kaj kulturministerio por organizi esperanto-rokkoncertojn en diversaj urboj en Ĉinio (vidu en la Reto). *Team'*, la slovaka esperanto-rokbando, jam sin proponis por eventuala turneo en Ĉinio.

Proponoj de kiel eble plej multaj esperanto-pop-, rok-, kaj folkbandoj estas urĝe atendataj. La gejunuloj en Ĉinio senpaciencas spekti rokkoncertojn.

# Anoncoj

## *Diccionari de mila mots*

Grava novaĵo por la esperanto-rokverkistoj kaj rokemuloj: nova vortaro aperis. Ĝi nomiĝas *Diccionari de mila mots*, kaj prezentas mil vortojn en la okcitana (sudfranca lingvo) kun okcitanaj klarigoj, kaj en la kataluna kaj esperanto. Ĝi tre utilos al vi por traduki ekz-e la tekstojn de **Massilia Sound System** aŭ de **Fabulous Trobadors**, okcitanaj repbandoj.

Vi povas mendi ĝin ĉe (esperante, okcitane, aŭ eĉ france):

**Jacme TAUPIAC**
**«La Pipoleta»**
**Sant-Marçal**
**F 82000 MONTAUBAN**
**Okcitanio / Francio**

## *Viaj muzikaĵoj atendataj*

La oficejo de **La Mevo** helpas la redaktadon al ĵus-bakita japana kased-gazeto *Najtingalo* rilate al rok- kaj popmuzikaj eroj. Mi atendas vian kasedon, ktp. (sed ne vendovarojn), prefere kun ĝia teksto por utiligi en la gazeto. Kontribuantoj ricevos senpage la songazeton post kiam ĝi eldoniĝos. Skribu al:

**Respondeculo de La Mevo, ONO Takao**
**Kazigaya-tyô 43-8, Sakae-ku**
**YOKOHAMA-si**
**247 Japanio**
**tel. +81 (45) 894-5339**
**faks. +81 (45) 894-9145**



## *Lazurmarborda alvoko*

Janfranko estas kreanta Esperantan junulgrupon en la regiono Provenco Lazurmarbordo. Per tiu grupo li intencas plijunigi la bildon de la Esperanta movado uzante interalie gazetojn, radiojn... sed agante junmaniere!... La alia celo estas kunigi kiel eble plej multe da gejunuloj por uzi/disvastigi la internacian lingvon pere de teatraĵoj, muziko, ktp... kaj krei firman Esperantan junulreton en la regiono por plezure renkontiĝi/interkonatiĝi en Esperanta etoso...

NICE-ESPERANTO
**J-F COUSINEAU**
**268, route de Bellet - D2**
**F-06200 NICE**



## *Nova Esperanto-Kultur-Centro kreiĝis*

Esperanto-Kultur-Centro (EKC) naskiĝis en majo 1992 en Tuluzo, sudokcidenta Francio, de la kunlaboro kaj interrilatiĝo inter diversaj membroj de la diversaj esperanto-asocioj en la urbo kaj regiono.

En EKC grupiĝas do membroj de:

- Esperanto-Haute-Garonne (aliĝinta al UFE-UEA)
- Esperanto-31 (kunlaboranta kun SAT)
- Tuluzaj Esperanto-Fervojistoj
- EUROKKA (Esperanto-Rok-Asocio, fak-associo de TEJO)

kaj la asocioj de Arieĝo, Tarn, Tarn-et-Garonne, Aveyron, kaj Aude.

EKC havas propran sidejon kie okazas la esperanto-kursoj de Tuluzo. Ĝi proponas al siaj membroj diversajn manierojn lerni, praktiki, kaj disvastigi la Internacian Lingvon kulture.

La programo por la jaro 93 estas jam promesplena, kun kunlaboro kun la okcitanistoj en la organizado de Lingvo-Festo en Tuluzo. Tie dum 15 tagoj okazos ekspozicioj, prelegoj, infanaj aranĝoj, kulturaj eventoj, kaj spektakloj.

Por ĝia starto, ĉiuj informoj, dokumentoj, libroj, broŝuroj, informiloj, spertoj, kunlaboroj, proponoj, sugestoj, ktp, bonvenos ĉe:

**Esperanto-Kultur-Centro (EKC)**
**1, rue Jean-Aillet**
**F 31000 TOULOUSE**
**Francio**

# Haste Klaĉe

► La kontaktadreso de Persone translokiĝis kun Bertilo; jen la nova:

**Bertilo Wennergren**
**Sannadalsv; 4, 2tr.**
**S-11765 STOCKHOLM**
**Svedio**
**tel. 46+ 8 645 2435**



► **La Rozmariaj Beboj** forlasis la Buĉejon (*Boucherie Production*; legu la intervjuon en *Rok-Gazet'* n-ro 2).
Ili serĉas novan produktiston kaj diskeldonejon kiu konsentus eldoni novan albumon ĉar nun ili havas sufiĉe da novaj muzikaĵoj; En tiu aperonta albumo estos almenaŭ unu esperanto-titolo aŭ eĉ pli.

► **Vladimir Soroka (La Pigo)** inaŭguris "PIGO-Studion" la 1an de novembro 1992. Tio estis la oficiala malfermo.
La tri unuaj esperanto-muzikistoj kiuj profitos tiun malfermon venos el Krasnojarsk (Rusio).
Kiuj estos la sekvontaj? Eble vi, se vi kontaktos:

**"PIGO-Studio"**
**Blomensbergvägen 178**
**S-12659 HÄGERSTEN**
**Svedio**
**tel; +46 8 180710**



► **Yothu Yindi**, aborigena rokbando el Aŭstralio, furoras tie kaj en aliaj kontinentoj. Max Wearing sendis al ni la kompaktdiskon *"Tribal Voice"*. Ĝi nur nun troveblas en diskvendejoj en Eŭropo. Vere interesa albumo ĝi estas, kun tekstoj en la aborigena. Nepre malkovrenda!

► Post unu jaro aŭ eĉ pli en Nederlando, pro profesia (ama?) kialo, Börje revenas al sia gepatra lando.

**Börje Lund**
**Klostergatan 5**
**S-58223 LINKÖPING**
**Svedio**

Eks-Persone-ano, li iom nostalgias pro manko de esperanto-muzika praktikado; nova projekto deseniĝas horizonte. Restu atentaj!

► Reaperis novaĵoj de Zhou-Mack (Tufuene Mafuila), muzikisto de la esperanto-afro-rokmuzikbando **Esperanto-Muziko** el Zairio. Nun li troviĝas en Francio apud Parizo kaj serĉas muzikistojn seriozajn kaj esperanto-asocion kiu pretus helpi lin por eldoni la unuan albumon esperanto-afro-rokan, ĉu kasede ĉu kompaktdiske. Muzikaĵoj kaj tekstoj pretas. La afero urĝas, kontaktu lin.

**s-ro Tufuene Mafuila (Zhou-Mack)**
**p/a ZOLA - Sedi Monika**
**4/B, rue Dumas**
**F-93800 EPINAY-sur-Seine**
**Francio**
**tel. +33 (1) 40 35 36 83**



► **Amplifiki** kun la ĉiama Mikke pretigas novan albumon kompaktdiske. Ĝi enhavos partojn de la kasedo *Ĉu ne?* remiksitajn kaj novajn titolojn. Mikke volas fari ĉiam pli perfekte, ĉu ne?

# RADIOJ

Kiel vi certe scias, multaj radiostacioj dissendas esperanto-programon; bedaŭrinde, ĉijare du el tiuj radiostacioj ĉesigas ĝin: **Radio Zagrebo** kaj **Radio Svisa Internacia** en Berno.
Gravegas ke vi reagu por protesti, skribante amase ĉe:

**Radio Zagreb**
**Esperanto-Redakcio**
**Jurišečeva 4**
**CRO-41000 ZAGREB**
**Kroatio**

**Svisa Radio Internacia**
**Esperanto-Fako**
**CH-3000 BERN 15**
**Svisio**

Ne forgesu ke ĉiuj radiostacioj dissendantaj esperanto-programon povas ankaŭ disaŭdigi esperanto-rokmuzikon se vi skribe petas tion de ili.
Nepre skribu por peti tion al ĉiuj -- esperanto-rokmuziko devas aŭdiĝi pli ofte en la frekvencoj. Sendu al ili kasedojn, diskojn, informojn. ktp....
**************************

**Rolando Pelaez** kaj **Maritza Gutierrez** respondecas pri la esperanto-programo de **Radio Havano**. Ili disaŭdigis gravan mesaĝon pri la agadoj de **EUROKKA**, *Rok-Gazet'*, kaj **Vinilkosmo**.
En septembro 1992 la esperanto-programo festis sian 4an datrevenon. Ili bezonas kuraĝigajn gratulojn.

**Radio Havana Cuba**
**Esperanto-Redakcio**
**Poŝtkesto 6240**
**HAVANA, KUBO**
**tel. +53 79 5007 aŭ 70 6103**
**faks. +53 7-79 5007**
**************************

**RC-Studio** en **Vilnius**, ĉefurbo de Litovio, estas sekcio de **Radiocentras**. Ĝi disaŭdigas esperanto-programon per FM en Litivio kaj per kurtondoj (9710 KHz) en la tuta mondo.
Petu al ili pliajn klarigojn kaj horarojn:

**RC-Studio**
**Esperanto-Redakcio**
**Radiocentras**
**PD 1792**
**LT-2019 VILNIUS**
**Litovio**
**************************

**Radio FMR** en **Tuluzo** sciigas ke ĝia esperanto-programo daŭras. Momente la malfacilaĵoj glatiĝis, sed ĝis kiam? Daŭrigota aventuro....
Por **«Konektu Vin Esperante»** ĉiumerkrede de la 13a ĝis la 14a, sur 89 MHz ĉe **Radio FMR**:

**Radio FMR**
**Esperanto-Redakcio**
**9 bis, avenue Frédéric-Estèbe**
**F-31200 TOULOUSE**
**Francio**
**************************

Aliaj radiostacioj alskribendaj:

**Radio Polonia**
**Esperanto-Redakcio**
**Poŝtkesto 46**
**PL-00950 WARSZAWA**
**Pollando**

**Radio-Esperanto**
**145, rue Amelot**
**F-75011 PARIS**
**Francio**

**O.R.F.**
**Esperanto-Redakcio**
**A-1136 WIEN**
**Aŭstrio**

**Radio Beijing**
**Esperanto-Sekcio**
**BEIJING 100866**
**Ĉinio**

**Magyar Radio KNAF**
**Eszperantó**
**H 1800 BUDAPEST**
**Hungario**

**Estona Radio**
**Esperanto-Fako**
**EST-200100 TALLINN**
**Estonio**

**La Ondo de Esperanto**
**V. Machiavelli 9**
**I-34100 TRIESTE**
**Italio**

**Radio Cluj**
**Esperanto-Sekcio**
**St. Donath 160**
**RO-3400 CLUJ NAPOCA**
**Rumanio**

**Radio Clube Sorocaba**
**Esperanto-Redakcio**
**C.P. 234**
**BR-18100 SOROCABA S.P.**
**Brazilo**

**Radio Roma RAI**
**Esperanto-Redakcio**
**C.P. 320**
**I-00100 ROMA**
**Italio**



# ROKMUZIKA RETO

*Jen pliaj adresoj kaj informoj por la E-Rok-Muzik-Reto. En ĝi vi retrovos jam aperintajn en Rok'Gazet', nur kiam plio koncernas ilin.*

*********************

*Sekve al plendoj de nia legantaro ni pensis ke plej bona solvo por estonte tion eviti estu ke niaj karaj korespondantoj menciu kiam ili ne deziras aperi en la reto aŭ kiam ili ne deziras ke ni aperigu tuton aŭ parton de ilia letero en Rok-Gazet'. Antaŭdankon al ĉiuj.*

luj jam aŭdis lian voĉon en Krakovo (Pollando). Li estas afrika kantisto kaj kantas en pluraj lingvoj, entenite Esperanton.



**Alphonse Diatta**
**Dakara Esperanto Klubo**
**BP21231 Dakar–Ponty**
**Dakar - SENEGALIO**

*************************

Albana Esperanto Ligo proponas koncert-eblecojn en diversaj urboj de Albanio.

**Albana Esperanto Ligo**
**p/a GAFUR MUÇO**
**Rruga "Thanas Ziko" Nr.56**
**TIRANA - ALBANIO**

*************************

Sendante siajn bondezirojn, nia fidela leganto Charles abonigas rusan amikon. Ni tre dankas lin.

**Charles E. Galvin, Jr.**
**121 Cortland Avenue**
**San Francisco, California 94110-5503**
**USONO/ U.S.A.**

*************************

Hans-Georg vendas diskojn, rokmuzikajn diskojn, en eks demokratia germanio. Estas lia profesio sed li tamen havas problemojn por trovi ĉiujn diskojn petatajn de sia klientaro...Kiu povas helpi?

**Hans-Georg Kaiser**
**D-O-7400 Altenburg,**
**Wenzelstr.12,BRD**

*************************

Multaj interesiĝas pri la franca rokgrupo Magma (vidu artikolon). Unu el ili estas:

**Ionel Onet**
**po. box13492**
**Berkeley, CA94701**
**USONO**

*************************

Ĵanfranko estas kreanta Esperantan junulgrupon en la regiono Provenco Lazurmarbordo.

**NICE-ESPERANTO**
**J-F COUSINEAU**
**268, route de Bellet - D2**
**F-06200 NICE**

*************************

**Lastminute!**

La 6-an de oktobro 1992, naskiĝis Aŭrora de Isabelle ROME, eks- Amplifiki-anino. Sendu al ili bondezirojn kaj gratulojn.

**Isabelle ROME kaj Hervé BOUSQUET**
**16, rue Cauchy**
**75015 PARIS**

Ĵomart kaj Nataŝa baldaŭ eldonos novan kasedon...

**Ĵomart Amzeev**
**KB-1963 SIV Box 24**
**S-92040 KRISTINEBERG**
**SWEDEN**

*************************

Mehdi, Irana gitaristo kaj orgenisto, estas 23 jaraĝa. Ŝatas rokmuzikon kaj miniatur-pentro-arton kaj serĉas gekorespondamikojn. Li ankaŭ serĉas helpon por organizi rokgrupon en Esfahano (en RG2 glitiĝis eraroj en lia adreso!).

**Mehdi Noruzi**
**N 9 Shahid Mokhtari Alley**
**Ghods, Shahzeid st, Bozorgmehr Ave.**
**ESFAHAN 81579 IRAN**

*************************

Olivier ne rokmuzikas, li nur rokdancas, tamen la enhavo de Rok-Gazet' sufiĉe interesas lin por aboni..;

**Olivier MOREAU**
**55 rue de Mareil**
**F-78100 St GERMAIN EN LAYE**

*************************

Filipo kore subtenas Rok-Gazet', abonante amikojn, kaj reklamante la fangazeton sur minitelo...

**Philippe BERIZZI**
**20 place Georges Pompidou**
**F-78300 POISSY**

*************************

Xi'an-aj Esperantistoj salutas ĉiujn membrojn de EUROKKA, tutmondajn rokmuzikistojn kaj muzikistojn uzantaj Esperanton.

Ili celas propagandi, disvastigi, disvolvigi kaj apliki Esperanton en la socio kaj servi ĝin per Esperanto. Ili aplikas Esperanton en scienco kaj tekniko, edukado, kulturo kaj arto. Krome, sekcio por komerco kaj ekonomio jam pretigis la katalogon pri komercvaroj en Esperanto. Kunlaboro de muzikistoj kaj artistoj estas atendita: prezentu proponojn al:

**S-no: Zhu Baogang**
**Xi'an Gongdianju**
**Ĉ-710032, Xi'an**
**Ĉinio**

*************************



ONO Takao de **La Mevo** multe agadas por **EUROKKA** en Japanio, krome vi rimarkos ke li verkas en *Rok-Gazet'*. Sed li laboras ankaŭ por la azia esperanto-songazeto *Najtingalo* (vidu la anoncon en ĉi tiu sama numero) kaj por la japana junulara esperanto-gazeto *La Junuloj*.

Interesatoj povas peti provekzempleron al:

**ONO Takao**
**Kazigaya-tyô 43-8, Sakae-ku**
**YOKOHAMA-si,**
**247 Japanio**

*************************

Ili bezonas la subtenon de ĉiuj...

Kuraĝigu, gratulu, kaj petu pliajn esperantajn pop- kaj rok-produktaĵojn de **Tutmonda Muziko**, ĉe:



**Gunter KOCH**
**Hohbergerstraße 7**
**D-W-7037 MAGSTADT**
**Germanio**
**tel. +49 (7159) 42448**
**fax. +49 (7159) 42206**

*************************

Same por **Team'**, kiu iom disreviĝis pro la esperantistaro kiu ne tro reagis al sia kasedo *Ora Team'*.

Kuraĝigu ilin ĉe la manaĝero:

**Stano MARĈEK**
**Zvolenská 15**
**CS-036 01 MARTIN**
**Slovakio**
**tel. +42 (842) 37145**

*************************

David pretas peri *Rok-Gazeton* en Eŭskio kaj Hispanio, kaj kunlabori kun EUROKKA. Li rilatiĝas kun rokgazetoj eŭskaj kaj hispanaj, kaj ankaŭ kun radiostacio en kiu li planas starigi programon pri esperanto kaj ekzotaj kulturoj, per muzikaĵoj. Li celas disvastigi esperanto-rokmuzikon en sia urbo.

**David Fernández Nieto**
**C/ Paraguay 34, 3A**
**E-01012 VITORIA**
**Eŭskio, Hispanio.**

*************************



Rok Gazet'




MENDU ĉe
VINILKOSMO (EUROKKA)




# ABONU!

## Rok-Gazet'-abonilo

EUROKKA Esperanto-Rok-Asocio
F-31450 DONNEVILLE
Francio
tel. 33+ 61 81 95 65

Abono kostas 100 FRF aŭ 35 NLG aŭ 26 IRKP (13 USD por netranspagipovaj landoj), kaj validas por 4 numeroj.

Familia nomo: ____________________

Persona nomo: ____________________

Asocio: ______________________________

Adreso: ______________________________

______________________________

______________________________

Telefono: ________________

☐ Mi deziras aboni ekde n-ro: 1☐ - 2☐ - 3☐ - 4☐

☐ Mi deziras ricevi la numerojn: 1☐ - 2☐ - 3☐ - 4☐
(po 8,75 NLG)

☐ Mi sendas 100 FRF per ĉeko aŭ poŝtmandato (nur por Francio).

☐ Mi sendas 35 NLG per internacia poŝtmandato al EUROKKA.

☐ Mi pagas per UEA-konto al EUROKKA, UEA-konto Rokk-b.

☐ Mi pagas 35 NLG (aŭ 13 USD por netranspagipovaj landoj) al la peranto de Rok-Gazet' aŭ al la esperanto-asocio de mia lando.

☐ Mi sendas 26 IRKP-ojn (internaciaj respondkuponoj) al EUROKKA

Dato kaj Subskribo.